# REGo

☆ RUSIA ESPERANTO-GAZETO ☆

*movada revuo en kunlaboro kun REU* **№ 3 (76) junio 2013**



***Israelo per okuloj de la odesaninoj***



**Moskvo, 2013**

# enhavo







**REGo**

(Rusia Esperanto-Gazeto)

№ 3 (76) junio 2013

aperadas ekde 2000

*redaktas* **Georgij Kokolija**
*kunredaktas* **Viktor Aroloviĉ**
*kunlaboras* **Maksim Griŝin**

*materialoj de REGo povas esti represataj, kondiĉe ke la tekstoj restos senŝanĝaj kaj estos indikita la fonto*

*poŝta adreso:* Pjatnickoje ŝosse 45 – 105
125310 Moskvo, Rusio
*retadreso:* gazeto@mail.ru

**abontarifoj por 2013:**

*por loĝantoj de Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ – 500 rubloj, sendendaj al:*
Коколия Георгий Владимирович
Пятницкое шоссе 45 – 105
125310 Москва

*aŭ pagendaj al:* 410011382499386
en la pagsistemo "Яндекс.Деньги"

*por loĝantoj de aliaj landoj – 25 eŭroj pagendaj al la konto* **kklg-r** *ĉe UEA*

**elektronika abono** – 200 rub. (5 eŭroj)

## “EsPrimo-9” – RENKONTIĜO KUN JUBILEA ETOSO




*Statistiko de “EsPrimo-9”:*

*partoprenis 57 esperantistoj el 2 landoj, 15 urboj, 10 rusiaj regionoj (Moskvo – 3, Ĉeboksari – 2, Ĉeljabinsk – 5, Dimitrovgrad – 1, Glazov – 2, Jekaterinburg – 9, Miass – 3, Novosibirsk – 2, Odincovo – 1, Rigo – 1, Severouraljsk – 1, Surgut – 1, Tjumenj – 21, Tomsk – 1, Uljanovsk – 4);*

*inter la partoprenintoj estis 26 viroj kaj 31 virinoj. Junularo ĝis 30 jaroj – 25 personoj;*

*la plej maljuna partopreninto estis Nikolao Popov, kiu aĝas 78 jarojn, la plej juna – Artjom Veselov – 2 jarojn kaj 10 monatojn.*

La regiona renkontiĝo “EsPrimo-9”, longe atendita evento en la vivo de la ural-siberia esperantistaro, rapide pasis dum la 2-a – 4-a de majo. Ĝi okazis en Tjumenj, en la apudurba bazejo “Raduga” – bonega loko kun pitoreskaj pejzaĝoj, tre konvena por komforte ripozi kaj komunikiĝi. Dum la tri belegaj printempaj tagoj ni ĉiuj refoje ĝojis esti kune en la amika E-medio, praktiki la lingvon, interŝanĝi spertojn, utile kaj gaje travivi agrablajn printempajn momentojn.

La programo de la renkontiĝo, kiel kutime, estis sufiĉe intensa: eĉ ne unu horeton oni devis enui. Kaj ĝi estis varia: alternis seriozaj, informriĉaj prelegoj kaj prezentaĵoj kaj ĉarmaj, gajaj kaj ripozigaj programeroj. Mi ŝatus nur skize prezenti nun la enhavon de tiuj ĉi tagoj.

Tuj post la solena malfermo startis serio el la rakontoj sub la titolo “Esperanto en mia vivo”, kaj la ĉeestantoj iĝis aŭskultantoj de nelongaj sed interesegaj vivhistorioj, ligitaj kun Esperanto, fare de Vladimir Opletajev, Irina Gonĉarova, Aleksandr Osincev.

Post ĝi okazis la unua duono de “Peĉakuĉo”, lingva programo, kiun preparis, estris kaj realigis A.Osincev. Ĝi ebligis al ĉiu deziranto riveli proprajn talentojn kaj inventemon. La programo konsistis el la prezentaĵoj, preparitaj de diversurbaj partoprenintoj, kiuj ŝatis esprimi siajn ideojn pri iu memelektita temo. “Peĉakuĉo”, ĝenerale tre populara nun en la mondo, en “EsPrimo” estis realigita la unuan fojon, certe en Esperanto, kaj vekis grandan intereson de la EsPrim-anoj.



En senĝena etoso kaj laŭ originalaj formo kaj maniero, taŭgaj por



bona kaj gaja interkonatiĝo, estis efektivigita la Interkona vespero, preparita de Marina Stepaĉova. Cetere ĉi tiu programero estas tradicia por multaj E-aranĝoj, des pli sukcesa estis ĝi ĉi-foje, ĉar ĝi celis interkonatiĝon de 57 gastoj el 15 urboj de nia lando.Tiun ĉi unuan tagon kronis bela koncerto de Sergej Straŝnenko, nia gasto el la fora Rigo, kiu la unuan fojon koncertis por la EsPrim-anoj kaj kiu en sia juneco lernis Esperanton en Tjumenj.

Dum la dua tago la programon dematene denove daŭrigis la serio "Esperanto en mia vivo". Por ĝi ĉi-foje kontribuis Aleksandr Kalaŝnikov, Tatjana Vŝivceva kaj Sergej Straŝnenko. Paralele okazis aparta programo por komencantoj, dum kiu estis ligitaj amuzo kaj lingva praktiko, kaj la novicoj partoprenis evoluigajn lingvajn ludojn kaj konkursojn, celantajn plibonigon de iliaj parolkapabloj. La lecionojn preparis kaj sukcese gvidis ĉeljabinska esperantistino Darja Zelenina.



Tiujn ĉi pensigajn programerojn sekvis komuna vigliĝo dum la danca metiejo, kungvidata de jekaterinburga novulo Pavel Vavilin kaj tjumenanino Marina Stepaĉova, kaj dum la gaja sportumado en la freŝa aero, okazigita de novosibirskanino Katerina Arbekova. Tio estis bonhumorigaj kaj energidonaj programofertoj.

Sed tuj post ili denove daŭris la serioza parto de la programo. Ronda tablo pri instruado, kiun gvidis Irina Gonĉarova, kunigis ĉiujn interesitojn pri la temo kaj ebligis al ili spert- kaj pensinterŝanĝon. Okazis ankaŭ interpretista konkurso, kiun preparis kaj realigis Vladimir Minin el Tomsk: dum ĝi povis provi siajn fortojn en interpretado de beletra teksto kaj spertuloj kaj komencantoj. Estis ankaŭ dua parto de "Peĉakuĉo". Fine de la tago okazis brila prezento de radiospektaklo "Tabla Laktolo". Ĝi estis preparita surloke de diversurba grupo sub la gvido de Irina Gonĉarova.




Eble ne ĉion mi sukcesis mencii



ĉi tie. Sed aparte mi ŝatus tuŝi la alian gravan flankon de la programo. Granda parto de la dua tago estis dediĉita al la 40-jara jubileo de Tjumena esperantista klubo "Revo", okazonta ĉi-jare, kaj tial kelkaj programeroj estis ligitaj kun tiu ĉi evento. Estis interese iom rigardi en la historion de la klubo. Tion helpis pendigitaj en la salono murgazetoj, en kiuj respeguliĝis apartaj momentoj el la kluba vivo, kaj grandaj klubaj fotoalbumoj kun ĉarmaj malnovaj fotoj, zorge gardataj de la klubanoj jam dum kelkaj jardekoj.

Tiutage ni ĉeestis la prelegon de Vladimir Opletajev, kiu helpe de la fotoprezentaĵo interesege rakontis historion de la kluba fondiĝo. Kaj vespere, dum la festo okaze de la jubileo, estis intervjuitaj ankaŭ aliaj tjumenaj esperantistoj el la antaŭaj generacioj, kiuj kun kora varmo rememoris jarojn de sia esperantista juneco. La jubileo estis festata komune kaj gaje. Per zorgoj de tjumena junularo estis aranĝita belega festena tablo kaj kortuŝaj memordonacoj por la veteranoj de "Revo". Ankaŭ aliurbaj partoprenintoj de la renkontiĝo kore gratulis ĉiujn jubileantojn kaj donacis porokaze faritajn insignojn, specialajn memoraĵojn, dediĉis al la "revanoj" siajn kantojn, deklamverkojn, amikajn humuraĵojn. Eblis ĉiaspece ĝui mirindan amikecplenan etoson dum tiu ĉi festa vespero: gaje danci en la amika rondo, kanti en agrabla kompanio, ĝoje rememori ion kune kun la amikoj, tosti kune kun ĉiuj kaj amike interkomunikiĝi. Mi eĉ pensas, ke tiu ĉi "EsPrimo-9" en la memoro de multaj ĝiaj partoprenintoj konserviĝos kiel "EsPrimo kun jubilea etoso".

Se kurte konkludi pri la tuta programo de la renkontiĝo, min ĝojigis la atingita dum ĝi harmonio inter tradiciaj kaj novaj formoj, inter la aĝula kaj la junulara partoj de la programo. Ankaŭ gravas, ke dum la tuta renkontiĝo estis ekvilibro inter la generacioj de esperantistoj kaj reciprokutila ĉeesto de spertuloj kaj "startuloj".

Fine mi volus danke mencii la nomojn de la ĉefaj lokaj organizantoj, kiuj tre entuziasme laboris antaŭ kaj dum la renkontiĝo: Pavel Veselov, Marina Stepaĉova, Tatjana Veselova, Nadeĵda Borisova kaj aliaj helpintaj tjumenanoj. Grandegan dankon al ĉiuj gastoj kaj kontribuintoj por la programo de "EsPrimo-9": nia komuna akorda kunlaboro ebligis fari por multaj partoprenintoj sukcesan, riĉenhavan, utilan aranĝon kaj krei ĝian neforgeseblan amikan etoson.



***Raja Kudrjavceva, REU-kunordiganto en Uralo***



## MIA UNUA “EsPrimo-9”

Por mi “EsPrimo-9” estas jam la tria, sed iusence ĝi estas la unua.

***La unua, al kiu mi venigis miajn komencantojn.*** Ili estas Karina kaj Valja, studentinoj pri lingvistiko, ĵus finintaj la deklecionan kurson. Ĉu plaĉis al ili? Jen kion skribas Karina: “Esperantista Primavero-9 en Tjumeno estis neforgesebla tempo kun bonegaj homoj. Se vi estis tie unufoje, vi volos reveni tien ankoraŭ multajn fojojn”. Valja aldonas: “Mi ricevis multege da impresoj, tiom da interesaĵoj estis!”. Mi dirus, ke ĉe homoj kun ankoraŭ malalta lingvonivelo (precipe rusoj) kontenteco kaj strebo esti afabla malfacile distingeblas, sed mi vidis nefalseblan plezuron en iliaj okuloj kaj hazarde aŭdis, ke ili eĉ en ĉambroj inter si parolis Esperante.

***La unua kun tiom da agrablaj surprizoj:*** la ludo pri urboj, kiu estis bonega interkona kaj paroliga ilo ne nur, sed speciale por komencantoj; la printita kantaro (kiun ni tamen apenaŭ uzis), bela apudrivera bazejo, bongustega kaj abunda manĝaĵo (mi ne malsatis dum aliaj “EsPrimoj”, sed ĉi-foje la porcioj surprizis min), planitaj kaj neplanitaj metiejoj pri dancado, ludoj dum la tuta nokto.

***La unua kun fakaj programeroj.*** Mi gvidis tri kursojn de Esperanto, sed mi apenaŭ ĉeestis kursojn de aliaj, kaj tre mankis al mi informoj pri instruado, ĉar profesie mi ne estas instruisto. La ronda tablo pri instruado organizita de Mirina pensigis min pri multaj aferoj, donis novajn ideojn kaj konatigis kun instrumanieroj de aliaj instruistoj.

***La unua kun Peĉakuĉo:*** dum regionaj renkontiĝoj oni malofte uzas Esperanton kiel ilon, sed tiu serio de prelegoj estas ĝuste la kazo. Mi aparte ŝatis la prezentaĵojn de Oljga Ŝilajeva pri mondmapoj kaj de V.Opletajev pri vojaĝado tra tempo.

***La unua kun tiom ŝanĝiĝema vetero:*** post forta pluvo kaj vento tuj estas varmega suno, post nelonge la ĉielo iĝas denove nuba, kaj tiel plu. Evidente la tjumena vetero tre ĝojis vidi esperantistojn, se ĝi tiom pene zorgis, ke ni ne enuu.



De multaj vidpunktoj tiu “EsPrimo” estis la unua, sed de neniu ĝi devas iĝi la lasta.

***Darja Zelenina (Ĉeljabinsk)***

# KELKAJ IMPRESOJ PRI “EsPrimo-9” DE JEKATERINBURGAJ GEJUNULOJ

***Jekaterina Zamislova***

Kun granda plezuro mi partoprenis nian regionan renkontiĝon “EsPrimo-9” en Tjumenj! Al mi plaĉis, ke ni loĝis en bela, komforta ripozejo “Raduga” apud la urbo. Kontraŭ ne tre altaj prezoj pro loĝado kaj manĝado ni ricevis kondiĉojn pli bonajn, ol ni povis deziri: modernajn, helajn ĉambrojn, mirindan naturon ĉirkaŭe, bongustajn manĝojn trifoje dum tago.



La vojaĝo de nia dekpersona E-grupo de Jekaterinburgo al Tjumenj kaj reen ankaŭ estis tre sukcesa, ĝoja kaj gaja. La renkontiĝo donis al ni ŝancon praktiki Esperanton kaj pasigi interesan tempon kune kun niaj malnovaj kaj novaj amikoj el diversaj urboj.

Nia grupo havis kelkajn genovulojn, kaj mi pensas, ke la vojaĝo kaj partopreno en la renkontiĝo helpis al ili kompreni, ĉu Esperanto estas interesa afero aŭ ne. Mi esperas, ke la renkontiĝo plaĉis ankaŭ al ili kaj ke ili volos estonte viziti Esperantajn renkontiĝojn ankoraŭ multfoje. Mi atendas iliajn impresojn de la vojaĝo!

Grandan dankon al la organiza teamo de la renkontiĝo! Ĉio pasis bone, glate, interese kaj gaje! Laŭ mi la plej interesaj programeroj estis: Peĉakuĉo, leciono de dancoj, sportumado kaj Festo de Jubileo de “Revo”, dum kiu estis tre amika kaj ĝoja etoso, ni gustumis la bongustan kukon, bakitan de tjumena esperantistino Elvira, kaj gaje dancis.

Dankon al ĉiuj, kun kiuj mi pasigis belegan tempon dum la renkontiĝtagoj! Mi ne tre ofte vizitas E-renkontiĝojn, sed ĉiufoje mi ĝojas kiel infano, kiam vidas ĉiujn E-amikojn! Esperanto havas grandan lokon en mia koro!

***Aleksandra Osipova***

“EsPrimo-9” estis la dua “EsPrimo” por mi: la unua en mia vivo okazis en Toboljsk, en 2011.

Sendube, ĉi-jara renkontiĝo tre sukcesis. En tio estis granda merito de tjumenanoj, kiuj montris sin kiel tre bonaj organizantoj. Jam de la momento de nia pertrajna veno al Tjumena stacidomo ni eksentis nin “en bonaj manoj”, ĉar malgraŭ la frua matena horo nin atendis tie Marina Stepaĉova. Tio estis tre agrabla.



Du belegajn tagojn ni pasigis en tre pitoreska loko apud Tjumeno, en la komforta bazejo “Raduga”. Freŝa arbara aero, apuda rivero, bela prizorgita kaj pura teritorio de la bazejo,

komfortaj kondiĉoj – ĉo ĉi kreis agrablan kaj senĝenan etoson por la komunikado kaj realigo de la programo de "EsPrimo-9".



Persone por mi similaj renkontiĝoj estas antaŭ ĉio festo de komunikiĝo. Mi jam konis multajn el la partoprenantoj, kaj estis tre agrable revidiĝi kun tiuj amikoj, ja ni loĝas en diversaj urboj kaj ne povas ofte renkontiĝi. Sed ankaŭ la novaj konatiĝoj donacis al mi amason da pozitivaj impresoj. Mi opinias, ke tre utilaj por senperaj kontaktoj inter gejunuloj estis danca metiejo, kuna sportumado kaj diversaj ludoj.

Krome mi plezure mergiĝis en la esperantlingvan medion dank' al diversaj prezentaĵoj, konkursoj kaj aliaj variaj programeroj kadre de la renkontiĝo. Ĉi tio helpis al mi plibongi mian lingvokonon kaj ekscii multon novan. Mi tre ŝatus libere posedi Esperanton por facile komunikiĝi kun esperantistoj de diversaj landoj!



***Pavel Vavilin***

La unuan fojon mi partoprenis la regionan renkontiĝon "EsPrimo". Antaŭe mi neniam partoprenis similajn aranĝojn, tial mi ne povas kompari kun io. Sed multo al mi plaĉis.

Unue, tio, ke mi vojaĝis al Tjumeno kaj malkovris por mi la belan urbon kun interesaj historiaj kaj arkitekturaj vidindaĵoj; la urbo plaĉis al mi.

Due, mi konatiĝis kun multaj esperantistoj. Tio plaĉis al mi eĉ pli, ol la urbo. Inter esperantistoj multas interesaj personoj, "EsPrimon-9" partoprenis multaj spertaj esperantistoj, tre bone parolantaj Esperante, kaj mi plezure aŭskultis ilian paroladon. Sed multis ankaŭ junaj personoj, kiuj tre interesiĝas pri la lingvo kaj ankaŭ ne malbone posedas ĝin. Estas tre utile konatiĝi kun tiaj samaĝuloj, kaj tio igas min lerni Esperanton pli bone.

Trie, al mi plaĉis ankaŭ la programo de "EsPrimo-9", en kiu estis utilaj prelegoj, allogaj programeroj, interesaj teatraĵoj, dancoj, kantoj, muziko. Mi tre ŝatis aŭskulti la radioteatraĵeton "Tabla laktolo". Ankaŭ plaĉis al mi, ke ni kune ludis viglajn sportajn kaj ĉetablajn ludojn. Dum la renkontiĝo mi mem gvidis metiejon pri dancado. Estis interesa sperto por mi, ĉar la unuan fojon mi faris tion en Esperanto. Mi ĝojis, ke multaj volonte dancis.

Tio estis tre interesa, utila kaj memorinda E-renkontiĝo! Dankon al ĉiuj partoprenintoj pro la ricevitaj de mi bonaj impresoj!

## MAJAJ TAGOJ, PLENIGITAJ PER ĜOJO

Siberio... Tiu vorto allogas eĉ tiam, kiam oni nur aŭdas ĝin. Viziti ĝin – tio ŝajnis tute ne ebla afero. Tio estis jam delonge nia revo. Tamen revoj kutime efektiviĝas. Kaj vere! “EsPrimo-9” donacis al uljanovskanoj tiun eblecon. La uljanovska kvinopa teamo kun grandega ĝojo akceptis inviton de Pavel Veselov, faritan ankoraŭ dum la 17-a LF en Ĉeboksari. Sed nia preparado por la vojaĝo estis problemriĉa, ĉar la teamo konsistis el lernantoj, studentoj kaj instruistoj, kiuj ne havis multe da libera tempo. Spite al tio nia vojaĝo sukcesis, ĉar ni tre atendis tiun renkontiĝon kun Siberio kaj kun geamikoj. Ankaŭ la urbo Tjumenj, ankoraŭ nekonata, similis al fora neatingebla stelo...



Revo, stelo (verda!), geamikoj estis tri ĉefaj vortoj dum “EsPrimo-9”.

**“Revo”** – tiel nomiĝas la tjumena E-klubo, kies jubileon ni celebradis kune kun novaj kaj malnovaj geamikoj.

**Steloj** estis videblaj sur Siberia ĉielo dum niaj vesperaj promenoj.

**Geamikoj** ĉiam apudis.

Multaj aranĝoj restis en nia memoro: brila ideo de Marina Stepaĉova pri interŝanĝo de bildkartoj (estis gaja ludo dum kelkaj horoj), Peĉakuĉo, gvidita de Saŝa Osincev, sportumado, elpensita kaj organizita de Katja Arbekova, jubilea programo de la tjumena E-klubo – tiuj aranĝoj estis la ĉefaj por ni.

Nelongaj (ĉar mankis tempo pro multaj interesaj aranĝoj) paroladoj kun malnovaj geamikoj, konatiĝo kun novaj homoj (estis tre agrable kontakti kun Irina Borisovskaja el Novosibirsk kaj Nadeĵda Panova el Tjumenj) – ĉio ĝojigis nin.

Ankaŭ la vetero favoris nin dum la restado en la bazejo. Kaj kvankam la vetero ŝanĝiĝis post nia reveno al Tjumenj, ĝi ne tre malhelpis nian promenon tra la urbo kaj nian viziton al unu el la urbaj muzeoj. Tial ni pensas, ke niaj majaj tagoj estis ĝojaj.

Nia teamo dankas al Pavel, Marina kaj Tatjana, kiuj zorgis pri ni, pro ilia gastamo kaj diras al ili “Ĝis revido!”, ĉar ni ege deziras veni al Siberio ankoraŭfoje.

En nomo de la teamo “Uljanovsk – Dimitrovgrad”

***Margarita Karceva (Uljanovsk)***



# GRATULLEGENDO PRI ANNA

Inter la varmegaj juniaj tagoj en Sankt-Peterburgo festas sian jubileon, mia-opinie, la plej neordinara, la plej agema kaj la plej diskutinda pro siaj agoj esperantistino Anna Petrovna Butkeviĉ.

Ŝi venis Leningradon el Grodno kun diplomo de la fremdlingva fakultato de tiea pedagogia instituto. Mi ne precize memoras, kiel kaj kial ŝi aperis en Esperantujo; ŝajnas, ke en 1982 allogis ŝin al sia kurso Barbara Cvetkova. Mi ne precize scias, kiam ŝi komencis aktivi, sed en 1989, kiam Vladimir Gromov fondis kooperativon "Espero", ŝi ekgvidis tie la buroon de internacia turismo. Miaaĝaj kaj eĉ iom pli junaj ekssovetianoj memoras, kia tempo estis – posedante certan arogantecon, kelkajn bonajn kontaktojn kaj ioman kvanton da monbiletoj oni povis aranĝi preskaŭ ĉion. Portempe almenaŭ... Do la aktiviĝo de Anna inicis la agadon bruan, senpaŭzan, kvankam diversgrade utilan por esperanto, sed tamen – agadon, kiu fakte restadis stagna post la forpaso de la famegulo Semjon Podkaminer.



Ŝi komencis en 1991 per fondo de propra turisma firmao "Universo", forloginte en Peterburgon por kunlaboro tiaman prezidanton de Tiĥvina E-klubo Aleksandron Kogan. La firmao evoluis pozitive, ĉar ĉu per siaj kontaktoj, ĉu, tamen, per sia sentima kaj senskrupula insistemo Anna en tiutempa ĥaoso postsovetia ricevis lue grandegan apartamenton en la centro de la urbo. Tiel la esperantistoj ekhavis por multaj jaroj konvenan kunvenejon, kie la plej granda ĉambro post riparlaboroj kaj dekorado iĝis komforta halo, taŭga por pli-malpli amasaj aranĝoj. La ceteraj ĉambroj de tiu apartamento restadis en ĉifa stato, servante kiel arkivejo, tranoktejo de gastaj esperantistoj, kuirejo-manĝejo ks.

Mi aŭdis legendon, ke en 1992, dum UK en Vieno kelkaj moskvaj esperantistoj venis al tiama ĝenerala direktoro de UEA Simo Milojeviĉ kun propono pri UK en Moskvo. Simo faris rondajn okulojn kaj diris, ke antaŭan tagon lin vizitis peterburganoj kun la sama propono, do, ĉe la plej favora estimo al la rusia esperantistaro, li rekomendis dekomence interkoordini la agojn... Sed la Kongreso ja okazis en la sama jaro aŭtune – Rusia Esperantista Kongreso (REK) en Olgino, apudurbo de Sankt-Peterburgo, kun pli ol cent partoprenintoj, miamemore, inter kiuj estis ankaŭ eksterlandanoj. Estis ŝi, Anna Butkeviĉ, kiu prizorgis la loĝadon kaj laboron de la kongresanoj...

En diversaj medioj Anna varbadis la kursanojn kun vere enviinda kapablo aliri la homojn. Centpersonaj kursoj, kvindekpersonaj kursoj... Universitata studentaro, televidaj kaj turismaj oficistoj, intelektularo amase kaj entuziasme venanta al tiuj kursoj, tuj vojaĝanta pere de "Universo" al eksterlandaj E-aranĝoj kaj malaperanta senspure foje pro manko de bonkvalita instruado, alifoje pro mankoj de vojaĝorganizo...

En 1996 Anna Butkeviĉ iĝis prezidanto de la societo "Espero" kaj restadis surpostene ĝis 2011. Multaj eventoj okazis dum tiuj jaroj dank' al ŝiaj neordinaraj ideoj. Jen ŝi registras oficiale fonduson de esperantistoj-handikapitoj "Sodejstvije" (Asisto). Jen en Sankt-Peterburgo, la unuan fojon en la postmilita Rusio, okazas SAT-kongreso. Jen alvenas blindaj esperantistoj, sed jen veturas iu profesia fajfisto por koncerti en eksterlando... Kaj la apartamento ĉe la metrostacio "Petrogradskaja" restas ĉiam bezonata, aktive vizitata kaj ekspluatata... sen pagi la lukostojn, elektron ktp. Mi supozu, ke pri tio ĉefkulpis Anna, la respondeca luanto, sed kial ŝi ne ricevis subtenon de tiuj, kiuj aktive uzis la ejon – mi ne komprenas. Tielaliel, la urbestraro decidis forpreni la apartamenton kaj informis la luantinon pri tio. Kaj Anna inventis vere legendan kontraŭagon: ŝi kontaktis raportiston de la radio "Libero" kaj informis, ke, proteste kontraŭ la ago de la urbestraro, peterburgaj esperantistoj planas amasan suicidon. La informo aperis en la vespera elsendo, kaj, memkompreneble, la apartamento restis en la dispono de la esperantistoj, eĉ ne supozintaj pri sia suicidemo...



Post deko da juĝprocesoj la ejo tamen estis forprenita, sed aperis alia – eĉ pli centre, tuj ĉe Nevskij-avenuo, kaj eĉ kun hoteleto – subnivela, certe, sed tute taŭga almenaŭ por alilandaj studentoj, kiuj ja uzis ĝin. La kunvenoj de "Espero" okazadis en diversaj, sed tre komfortaj ejoj – en kulturpalacoj, muzeoj, restoracioj – refoje mi diru pri la enviinda kapablo de Anna konvinke aliri la estrojn kaj posedantojn de tiuj ejoj, ricevi ilian aprobon kaj post iom da tempo abrupte perdi ĝin...

La ejon por REK, dediĉita al la centjara jubileo de la unua Ruslanda Kongreso de Esperantistoj en Sankt-Peterburgo, certe trovis la sama Anna. La kongreso okazis kun amasa partoprenantaro kaj varia programo en majo 2010, kaŭzinte tamen poste problemojn al REU-Estraro pro troaj elspezoj, sed ja ĝi okazis plensukcese!

Cetere, Anna Petrovna rikoltis en Sankt-Peterburgo ne malbonan bukedon da diversaj honorigoj: helpanto de deputito de la urba parlamento, posedanto de kelkaj

registaraj honorfolioj, menciito en la honora libro “La plej altmeritaj personoj de Rusio” – ja ne pro belaj okuloj, ĉu ne? Ĉiam en nova ĉapelo ŝi vojaĝas por prelegi (onidire, ne sensukcese) jen en Japanion, jen en Kanadon, jen en Aŭstralion, en alia ĉapelo ŝi aperas en televido, aŭ eĉ en Kremlo dum la Civitana forumo...

Antaŭ monato mi hazarde trafis regulan kurskunvenon – tiujn Anna organizas nun en aparta kaj treege impona saloneto de la kafejo kun ĉarma nomo “La Majstro kaj Margarita”. Normala kunveno – leciono plus tagmanĝo. Malgraŭ sia turmenta malsano Anna kondutis trankvile kaj eĉ gaje. Konsiderante, ke refoje la Tiĥvina klubo oferis al ŝi sian prezidanton, Viktoron Kandalinskij, kiu privatkaŭze transloĝiĝis en Peterburgon kaj inter aliaj okupoj gvidas la kurson, organizitan de Anna, oni atendu aperon de kelkaj freŝbakitaj esperantistoj...

Rusoj nomas tiun ĉi karakteran trajton “trabatkapablo” – estas kapablo perkonvinke ricevi ĉion deziratan. Ĝuste tiun kapablon posedas Anna Petrovna Butkeviĉ, uzante ĝin por siamaniere antaŭenmarŝigi nian lingvon. Plus aregon da iniciatoj kaj ideoj, ĉiam bole aperantaj en ŝia kapo kaj preskaŭ neniam finkuiritaj, sed elprovataj nepre kaj diverssukcese. Ĝuste pro tiaj personoj la vivo iĝas pli interesa kaj amuza. La ĉirkaŭa medio espa kaj flanka pritaksas la agadon de Anna ne nepre pozitive, kaj tio estas absolute normala, sed kelkaj flankuloj, demanditaj de mi ĉeokaze, ĉu ili scias pri esperanto en Peterburgo, – kvar el kvin, – respondis: “Ho, jes, Anna Butkeviĉ...”. Eĉ nur pro tio do mi deziru al Anna kompletan resaniĝon, bonan humoron kaj longan vivon... sed al la esperantistaro de la dua rusia ĉefurbo – laŭeble baldaŭan interkompreniĝon kaj paciĝon. Cetere, jen estas la retadreso de Anna por tiuj, kiuj volas kontakti, gratuli, bondeziri, interesiĝi pri la sperto: <annaespero@mail.ru>.

***Mikaelo Bronŝtejn (TIĥvin)***

## KIEL DU ODESANINOJ AZIAN KONGRESON PARTOPRENI DECIDIS, KAJ KIO EL TIO REZULTIS

Foje, kaj ne simple foje, sed en printempa monato nisano[1], decidis du odesaj esperantistinoj Esperantan kongreson viziti. Kaj ne simplan kongreson, sed Azian, kiu estis okazonta en la urbo Jerusalemo, sankta loko sur la Sankta Tero.

Skribis ili al la Organiza Komitato kaj demandis: “Kiuj kondiĉoj estos, se ni prelegon preparos, ĝuste laŭ la temo de la Kongreso estimata; kaj kelkajn filmojn, de ni kreitajn en nia kara lingvo, prezentos; kaj eĉ seminarion gvidi povos?” Kaj respondis la estroj de la estimata Kongreso: “Eĉ cent prelegojn vi faru, eĉ ducentfoje kontribuu – ne ricevos vi rabaton, nek rekompencon, nek premion. Volas – kontribuu, ne volas – ne kontribuu; sed pagi vi devas plene!”

Ekploris tiam la odesaj esperantistinoj, kaj foriris plorante, kaj sidis ili sur la bordo de Nigra maro plorante kaj veante. Kaj venis tiam al ili ideo bona: “Venu ni al la Sankta Tero, ekkonu ni belecon ĝian, plenigu ni animojn niajn per frateco kaj amikeco, kiel postulis Majstro nia – kaj malfermiĝos por ni la pordego de la Kon-

[1] Monato de la hebrea kalendaro (*Red.*).



greso, – almenaŭ por unu tago!”

Streĉis ili mensojn siajn – kaj rememoris, ke loĝas en tiu lando malproksima multaj amikoj sinceraj, per Esperanto ligitaj. Kaj unu el tiuj amikoj invitis ilin al hejmo sia, por ke ekvidu iliaj okuloj tiun belecon kaj sanktecon de Esperanta Kongreso. Kaj venis ili, kaj renkontis ilin Paŭlo brava.

*Kaj estis mateno, kaj estis vespero. La tago unua.*

***

Ekde mateno, ĉar ne malfermiĝis ankoraŭ la Sanktaĵo de la Kongreso, venis la esperantistinoj al aliaj sanktaĵoj. La lago Galilea, Nazareto, la valo Armagedona, la monto Tabor, la rivero Jordano kun la loko de Sankta Bapto; ruinoj de urboj Tiberiada, Magdala, Kana, Kapernaum...

En Nazareto, en la Templo de Anunciacio, multajn bildojn de Madono vidis ili, kaj inter donacoj, de diversaj landoj senditaj, trovis ili “La Madonon de Esperantistoj”. Sube, anstataŭ la nomo de la lando, “Esperantos” estis skribita, kaj la Madono sur la fono de verda stelo videblis, kaj la surskribo anoncis: “Nia Sinjorino de la Espero, Patronino de la esperantistoj”. Kaj tuj esperantistoj aperis. Antaŭkongreson ili ĝuis. Tiel sukcesis ankaŭ niaj esperantistinoj kun amikoj kuniĝi. Ne trafis ili la Kongreson – do la Kongreso mem al ili venis!

*Kaj estis mateno, kaj estis vespero. La tago dua.*

***

Logas la esperantistinojn nekonata tero, kaj jen elektis ili por la tago tria la temon mirindan: “Jerusalemo, la ĉefurbo de tri religioj”. Vidis ili kvartalojn armenan, judan, mosleman kaj kristanan. Vidis ili la monton Cionon kaj la tombon de la caro Davido; vidis la Krucan Vojon, la monton Golgoton kaj la Templon de la Sankta Tombo. Vidis la urbon Lod, kie Sankta Georgo naskiĝis; vidis malnovan urbon Ramla, kiu antaŭ 1400 jaroj fondita estis. Vidis ili monaĥejon Latrun kaj ruinon de Emaus, vidis la monton de Samuelo... multon vidis ili en tiu tago. En la ĉambro de la Sankta Manĝo estis ili, kaj ĉe la Muro de Lamentoj... Vidis ili Gehenan valon... Jes, multon vidis ili en tiu tago, kaj multo restis en ili poreterne...



*Kaj estis mateno, kaj estis vespero. La tago tria.*

***



Kaj vokas denove niajn esperantistinojn la tero fremda, la tero antikva. Kaj venis ili al al valo, kie floras lilio de Ŝarono neĝe blanka, kun kiu komparis la reĝo Salomono amatinon sian. Kaj trairis ili riveron Aleksandr, kie haltis iam Aleksandro la Granda. Kaj venis ili al ŝtona Akreo (Akko), kie Kruckavaliroj regis, sed antaŭe – kaj fenicoj, kaj egiptoj, kaj araboj. Estis ili en kavalira kastelo, kaj tremis iliaj koroj pro la tuŝo al la Historio kvarmiljara...

Kaj estis ili en la oka Monda Miraklo – la Ĝardenoj de Bahaoj. Kiel solena ŝtuparego etendiĝas tiuj sur la monto Karmel; per profunda harmonio impresas ilia simetrio; kvazaŭ paradiza muziko lirlas la akvo, fluanta apud la ŝtuparo, akompananta la paŝojn de la vizitantoj. La simbolo de eterna vivo, senĉese sonas la kanto de la akvo, ĉar la akvo signifas vivon...

Kaj ne forgesos ni, ke bahaanoj predikas unu komunan lingvon por la homaro, kaj tiu lingvo estas Esperanto. Ĉie en tiu mirakla lando ĉeestas Esperanto; kaj ĉiam kun bonaj kaj sanktaj aferoj ĝi estas kunligita.

*Kaj estis mateno, kaj estis vespero. La tago kvara.*

***

Sabato, sabato, la Sankta Ŝabato! Sed jam ĝi estas ne por, sed kontraŭ Esperanto! Hodiaŭ intencis la esperantistinoj veni al la Kongreso – sed Ŝabato malpermesas! Ne povos ili reveni hejmen, ja la busoj ĉesos veturi je la kvara tage! Ho, adiaŭ la belaj revoj pri amikaj renkontiĝoj, interesaj prelegoj kaj ravaj koncertoj! Ili devos resti hejme kaj... ho, kiel strange! – nenien kuri, strebi, nenion ensorbi... Kaj nur nun percepti plenforte kaj plenamplekse ĉion, kion ili vidis, aŭdis, tuŝis, flaris dum tiuj tagoj, kiuj egalas multajn monatojn.



*Kaj estis mateno, kaj estis vespero. La tago kvina.*

***

Tel-Avivo – novega urbo kun ĉielskrapuloj, modernaj domoj kun ĝar-

denoj surtegmentaj, kun la Placo de la Lando, kie videblas, ke du trionojn de la lando okupas dezerto. Sed kia bela kaj verda estas la cetera areo!



Ramat-Gan. La parko "Safari" kun zebroj, antilopoj kaj strutoj. 17 behemotoj en unu lageto. Freneza elefanto, kiu mortigis sian kunulinon, kaj nun loĝas en ekzilo, aparte de la familio. Simioj grandaj kaj malgrandaj, kaj multaj aliaj simpatiaj estaĵoj.

Jaffa. La loko, kie estis konstruita la arkeo de Noa. La Roko de Andromeda, kie savis ŝin Perseo, revenanta sur Pegazo post la venko super la terura Meduza. Artista kvartalo... sed ne, la Artistan kvartalon la esperantistoj ne sukcesis atingi! Furioza pluvo forlavis ilin de ĝiaj deklivaj stratetoj, pavimitaj de tiel glitaj flavaj ŝtonplatoj!

*Kaj estis mateno, kaj estis vespero. La tago sesa.*

***

Kaj la Tago Sepa estis, kompreneble, la Tago de ripozo. For – seriozajn temojn! For – fortajn impresojn kaj doktajn tezojn! Dum tri tagoj la esperantistinoj nur sunbaniĝas, naĝas kaj promenas vespere laŭ viglaj stratoj de la urbo Ejlato, la plej suda punkto de la lando. La Ruĝa maro de la Hindia oceano etendiĝas apude – la fama Ruĝa maro kun ĝiaj koraloj, la plej pitoreskaj en la mondo!



Certe, ili nepre vizitis la Akvarion de Eilat, kun ĝia Observatorio, kie en la profundo de 6 metroj ili povas observi la veran, vivantan koralan rifon kaj ĝiajn enloĝantojn, la plej ekzotikajn fiŝojn! Testudoj, ŝarkoj, rajoj; diversaj akvarioj, ŝipeto kun



vitra fundo... Malfermado de perlaj konkoj kun nepra trovo de belaj perloj ene... Grandega juvelvendejo kun perloj, briliantoj, safiroj, smeraldoj...

Luksaj hoteloj, kien ĉiu povas enveni kaj vagadi tie; jen ekkuŝi en ĝardeno apud baseno, jen leviĝi en lifto al la 12-a etaĝo por vidi sube la gaje brilantan per lumoj, senzorgan Ejlaton...

Kaj ĉie – "Krokodiloj, palmoj, baobaboj". Orienta fabelo. Ne strange, ke ilia Sepa tago daŭris iom pli longe...

*Sed tamen – estis mateno, kaj estis vespero. Kaj poste venis...*

***

La tago lasta...

Laŭidee, ĝi devas esti lundo. Kaj lundo, kiel ĉiuj scias, estas la tago malfacila. Ho, la esperantistinoj konfirmas tion. Por tiu tago ili elektis la plej malfacilan taskon: ripozon ĉe la Morta maro.

Vere, estas peza laboro. Eniri en la lagon preskaŭ ne eblis, ĉar la fundo el la sala krusto estas ege akra kaj, malgraŭ la piedvesto, dolorigas la piedojn. Krome, grandaj ondoj renkontis ilin kaj plaŭde kriis: "Iru for! Ĉi tie ne estas loko por homoj! Tio estas la Morta maro!". Jes, severas la naturo. Nevane apude troviĝis iam Sodomo kaj Gomoro.

Sed homoj aliigis la naturon – do langvore kaj lante oni poste ĝuas en radonaj, sulfuraj kaj ceteraj banejoj, kun va-a-arma malstreĉa a-akvo-o...



Reen – la vojo pasas tra dezerto. Denove oni rememoras orientajn fabelojn, "1001 noktojn", rakontojn de Tibor Sekelj pri diversaj dezertoj.

Tamen, ili trovis Esperanton sur la Sankta Tero!

Dankon al la organizantoj de la Kongreso, kiuj donis al ili tiun unikan eblecon!

***Tatjana Auderskaja (Odessa)***

# PREFIKSE UZATAJ E-VORTOJ

**parto 6** [1]

## NUR

SEASKA zorgas ne nur pri la edukado en la vaska lingvo kaj progresiva enkonduko en la franca, sed ankaŭ pri la batalo kontraŭ **nur-franca** kultura etoso.
*Kulturaj Kajeroj, 1980, 2, p. 7*

... nur okaze de tio, ke tiuj nun kulturiĝantaj ankaŭ en la galega iĝos sufiĉe nombraj, oni povas esperi, ke **nur-galega** ĵurnalo povas vivi.
*Antono Alonso Nuñez, or., Literatura Foiro, 119 (jun. 1989), p. 30*

Poste mi trovis kaj ekkonis grupojn, grupetojn, grupegojn, movadetojn, asociojn, sferojn, zonojn, fluojn...
Poste provojn ideologiigi esperanton (eksterajn kaj internajn), ĉar la **nur-lingvo** estas spaco tro malplena, do neakceptebla.
*Radoslav Nowakowski, or., Pollando, Literatura Foiro, 178 (apr. 1999), p. 66*

... la karaktero de Esperanto kiel tuto dekomence estis determinita. Ĝi ekzistas nur kiel kontribuo al paco, al internacia kompreniĝo kaj interetna toleremo. **Nurlingva** esperantio ne ekzistas.
*Årpád Rátkai, or., Hungario, Esperanto, 1993, 7-8, p. 123*

Nuntempe la materiala kaj **nurekonomika** pensado de la homoj precipe en la industriaj landoj igas forgesi...
*Bruno Vogelmann, or., Germanio, El Popola Ĉinio, 1999, 7, p. 17*

Ĉe la fino de la volumo oni trovas 49-paĝan indekson, kun trovlokoj, kaj de la kapvortoj kaj de la vortoj **nurenartikolaj**.
*Blazio Vaha, or., Literatura Foiro, 137 (jun. 1992), p. 146*

## ONI

Samtempe laŭ **onipenso** estingiĝis najbaraj kun Margiana civilizoj nome...
*G.Arosjev, el la rusa, Scienco kaj Kulturo, 1998, 2, p. 41*

## PLI

Esperanto estas vivata, sentata kaj kreata malsame en diversaj landoj. En ĝi apudas unu la alian pragmatuloj kaj idealistoj, lingvemuloj kaj **plifeliĉigantoj**...
*István Ertl, or., Hungario-Hollando, Esperanto, 1999, 3, p. 41*

Eble estas bona ideo adapti kelkajn tradiciajn kantojn **pli roken**, sed miaopinie originalaĵoj prioritatu.
*Georgo Kamaĉo, or., Hispanio, Esperanto, 1992, 11, p. 193*

## PER

... mi ne subfalis al la malbona sorto! mi evitis morton **permalsatan** kaj vivon **peralmozan**!

---

[1] La antaŭaj parto aperis en REGo №№ 3-4 (70-71) – 6 (73), 2012; 1 (74) – 2 (75), 2013.

*L.L.Zamenhof, el la pola, Eliza Orzeszko, Marta, 5-a eld., Eld. Kleks, Pollando, p. 162*

"Sinjoro", diris tiu panjo, kiam mi trankviligis ŝin iom, "vi estas poeto; pro via amo al homo mi **perĵuras** vin, savu mian filon!
*J.Vondroušek, el la ĉeĥa, Karel Čapek, Rakontoj el la unua poŝo kaj rakontoj el la dua poŝo, eld. ĈEA, Prago, 1981, p. 91*

La temo ja estis la biciklo de onklino Selma. ... Dum ŝi iris antaŭen senbrue, ŝajne senĝene, mi kun peno **perknaris** antaŭen sur antikva, iam-nigra rusto-riĉa praciklo.
*Sten Johansson, or., Svedio, Fonto, 140 (aŭg. 1992), p. 8*

Tiu modelo imagis premantaron, kiu **perpremos** la interŝtatan uzadon de Esperanto kaj ĝian instalon en la lernejojn.
*Probal Dasgupta, or., Barato, Esperanto, 2008, 2, p. 30*

... kies posedon, eron post ero, ŝi multjare **perstrebis**.
*Probal Daŝgupta, el la hindia, Literatura Foiro, 132 (aŭg. 1991), p. 11*

## PLEJ

... des pli ĉar vi devas esti **plejekzemplulo** por ĉiuj ni kaj por la popolo.
*Jovan Zarkoviĉ, el la serba, D.Mikuliĉiĉ, "O" kaj aliaj rakontoj, Zagreb, 1988, p. 6*

Precize dekunu jarojn. Tiom da tempo li estis droninta en tiun projekton, en sian **plejamon**.
*Jovan Zarkoviĉ, el la serba, D.Mikuliĉiĉ, "O" kaj aliaj rakontoj, Zagreb, 1988, p. 34*

Jen bela stil-ekzerco por gvidi tiujn sensacojn sur la literaturan terenon kaj elĉerpi la **plejsukon** tra kvar malsamaj filtroj.
*Miguel Fernandez Martin, or., Hispanio, Esperanto, 1993, 4, p. 70*

Se ni ĉiuj aktivos ni povos rapide iĝi la **plejklubo** en nia lando.
*Anatolo Gonĉarov, dum prepari ekzemplojn de "plej"-originalaj uzoj, 1980-aj jaroj*

SHOGUN estas **plejvendaĵo**. Jam pli ol ses milionoj da ekzempleroj disvendiĝis en la mondo.
*Kris Long, el la angla, La Gazeto, 19 (dec. 1988), p. 22*

Ho, Albert, mia **plejkara**, mi ne povas vivi sen vi...
*Willy Smit, or., Nederlando, 25 jaroj: Antologio de Belartaj Konkursoj, HEA, Budapest, 1977, p. 182*

... ke tieaj esperantistoj... scipovas doni sian **plejeblon**.
*Jugoslavio, Voĉo, 1975, 2, p. 4*

Atentu, mi ne volas per tio diri ke estas riproĉinde laki la ungojn, sin ŝminki kaj pliĉarmigi per altaj kalkanumoj. Esprimi sian seksecon estas per si mem io pozitiva, kvazaŭ oni volus proponi la **plejbonon** el si. Sed grincas la fakto, ke tiu fakto estas negata al unu el la du seksoj kaj lasata al la alia...
*Perla Martinelli, Femina, 4, 2005, p. 6*

## PLU

"Nu blankaj ŝafidetoj, ĉu oni venas viziti la lupon?" komencis, iom raŭkvoĉe, **ne-**

**plujuna**, barelforma matrono...
*Raymond Schwartz, or., Francio, Kiel akvo de l' rivero, eld. Dansk Esperanto-Forlag, 1977, p. 111*

Kiam vi, homo, **pluis** Torkel, atingas ĝis la hamako, vi...
*Baldur Ragnarsson, el la islanda, Islandaj pravoĉoj, Eldona Societo Esperanto, Malmö, Svedujo, 1964, p. 34*

La **pludono** de la torĉo. [ne transdono, sed pludono]
*Esperanto, 1974, 9, p. 141, titolo*

Strikado estas laŭ ili stratterorismo kaj eĉ **plustrikantoj** devas esti enkarcerigitaj por ke ili...
*Jakvo Schram, or., Sennaciulo, 1997, 11, p. 107*

Surbaze de tiu ĉi identigo de mia homa identeco, mi volus nun ligi la ĉi suprajn ideojn de Daaŝ al du aliaj pensejoj. Kaj peti vin **plupensi** prie.
*Probal Daŝgupto, or., Hindio, Fonto, 241 (2001, 1), p. 7*

Kaj ĉu iom postulema leganto povus ignori lingvajn malglataĵojn kiuj malhelpas fluan, interes-kaptan **plulegon**?
*Antonio Valén, or., Hispanio, Esperanto, 1997, 4, p. 73*

## PLUS

... sed neniu antaŭvidis la plej severan neĝoŝtormon... Almenaŭ mi preferas esperi, ke finfine tamen estos 15 **plusgradoj**.
*Wolfgang Kirschstein, or., Germanio, La Ondo de Esperanto, 1998, 8-9, p. 15*

... kie **plusdonita** panbuleto aŭ ĉerpkulero da supo helpos elteni la plej malfacilan transiron al la "karcera malsato"...
*R.Hromada, el la ĉeĥa, J.Fučik, Riporto skribita en la pendumila maŝo, Prago, ĈSSR, 1979, p. 100*

## PO

**pograndisto** [optovij pokupatelj]
*Karl Schulze, el la germana, B.Brecht, Trigroŝa romano, Edition Leipzig, GDR, 1977, p. 239*

Avatare, ĉi 36 steloj de ĉielaj spiritoj kaj 72 steloj de teraj spiritoj iĝos la 108 banditoj **poaperantaj** laŭĉapitre en la romano.
*Jorge Camacho, or., Hispanio, Esperanto, 2006, 3, p. 64*

## POR

Post la propono pri la stacio, de ĉiuj flankoj venis **porparoloj**.
*Jovan Zarkoviĉ, el la serba, D.Mikuliĉiĉ, "O" kaj aliaj rakontoj, Zagreb, 1988, p. 32*

... mi serĉis ion kriman en liaj salutoj, ion **pormi-an** en liaj gestoj kaj konduto.
*István Ertl, Hungario, Monato, 1990, 6, p. 25*

... kaj al ĉiu **pormetis** tineton kun sakeo sen varmigo.
*Miyamoto Masao, el japana, Ihara Saikaku, Kvin virinoj de amoro, eld. Pirato,*

*Oosako, 1966, p. 23*

Tamen okazis longa diskuto pri nova propono: nome ke oni konstruu, ne el ligno, sed el ŝtono...
La **por-ŝtono-uloj** venkis. Sed kiu gvidos la konstruon...
*Tom Fraser (Kirkcaldy), Skotlando, Norda Prismo, 1955, 4, p. 196*

En tiuj jaroj, lerninte Esperanton kiel la duan fremdan lingvon, iuj lernantoj sukcesis akiri lektorecon, aliaj fariĝis **por-magistriĝa**j studentoj...
*Jia Wende, or., Ĉinio, El Popola Ĉinio, 1999, 10, p, 11*

Li ne konraŭparolis al Hamada, sed ankaŭ ne **porparolis**.
*Miyamoto Masao, or., Japanio, Naskitaj sur la ruino Okinava, 1976, Japanio, p. 36*

Unue li enmetis kompresoran tubon en **portruon** kaj premaero liberigis kontaktilojn.
*Jovan Zarkoviĉ, el la serba, D.Mikuliĉiĉ, "O" kaj aliaj rakontoj, Zagreb, 1988, p. 39*

## POST

**Postaŭtisma** ekonomiko [titolo]
Ĝenerala problemo de la hodiaŭa superrega novliberalisma doktrino estas ke ĝi ne akceptas aliajn sociekonomikajn alirojn, kiuj tamen ekzistas kaj pluevoluas.
*Felix Zesch, or., Germanio, Kontakto, 2005, 5, p. 12*

Ni manĝas iom. **Postbabilas**, komente pri la vespero, la nokto.
*Gerrit Berveling, or., Nederlando, Fonto, 176 (aŭg. 1995), p. 19*

Leginte tiun ekzemplon, la konsultanto tuj serĉas la rubrikon Beaufront por ricevi sciigojn pri... La koncerna rubriko ne ekzistas.
Jen nekohero vortarista, kiu respegulas **postbatalan** etoson. La vortaristo tiom plene travivis la ido-konflikton, ke li ne imagis, ke baldaŭ ekzistos PIV-uzantoj, kiuj absolute nenion scios pri tiu Beaufront.
*Claude Gacond, or., Svislando, Literatura Foiro, 225 (feb. 2007), p. 31*

Temis ne nur pri tri malsamaj kongresoj, sed ankaŭ pri tri malsamaj Italioj: la faŝisma..., la june respublika..., kaj **(post)Berluskonio**.
*Giorgio Silfer, or., Italio – Svislando, Heroldo de Esperanto, 2006, 10, p. 4*

La ponzo kaŭras iomete plu, poste li singarde eliras el la ĵaro, el la **postbutiko**, el la vendejo, el la strato, el la urbo.
*Marie-France Conde Rey, el la franca, Femina, 4, 2005, p. 18*

Ja Klara Zilbernik senrezerve kuraĝigis kaj helpis la lingvo-projekton kaj, **postedziniĝe**, la diskonigon de la unuaj lernolibroj de D-ro Esperanto.
*Jean Amouroux, or., La Gazeto, 122 (jan. 2006), p. 29*

Laŭdire dum tiu prospera periodo oni eksportis malpli da tankoj ol antaŭe kaj poste. Ĉar bedaŭrinde, estis iu **"poste-o"**.
*Serĝo Elgo, or., Literatura Foiro, 96 (apr. 1986), p. 17*

Unue mi gratulas al d-ro Walter Zelazny... kiu ricevis klaran plimulton da voĉoj...
Mi ne volas **postevente** "raciigi" mian malpli sukcesan rezulton, tamen mi volas esprimi mian ĝojon, ke...

*Vinko Oŝlak, or., Aŭstrio – Slovenio, Literatura Foiro, 195 (feb. 2002), p. 6*

Tiuj scenoj saturas niajn filmojn celantajn memorigon de naciaj herooj kaj edifadon al **postgeneracioj**. Do, por ni ili estas...
*Mao Zifu, or., Ĉinio, Riveroj, 1997, 16, p. 26*

Kion ja li povus ankoraŭ diri, eldirinte tion, kio bruligis la animon. Iom trista li estis, kiel ĝenerale la batalantoj de la **postgvardio**.
*Istvan Nemere, or., Hungario, Krias la silento, Eld. Bero, Berkeley 2002, p. 168*

Pasas la du infanoj singarde trans la enbreĉitan muron kaj **forpostigas** sin hejmen.
*Roger Imbert, el la kroata, Moderna Kroata Prozo, Zagreb, 1979, p. 253*

Politplano do estas grava dokumento, prefere akompanata ĉiujare per jarplano. Se oni havas jarplanon ankaŭ la **postjuĝo** pri la okazintaĵoj en pasinta jaro estas helpata.
*Johan Derks, or., La Gazeto, 121 (dec. 2005), p. 29*

Ĝi embriis jam antaŭe, kiam mi forlasis esperanton eĉ kiel komunikilon epistolan kaj konstatis ke mia esprimivo falis kiel kaco **postkoita**.
*Gonzalo Neves, or., Portugalio, Fonto, 263 (11, 2002), p. 7*

Ĉi tiu ko-disko malfermas novan epokon en la vivo de Vinilkosmo, kaj per ĝi jen la eko de la **post-kolekto** 2000 eldonoj.
*La Kancerkliniko, 95 (jul.-sep. 2000), p. 17*

Mi devas fari decidojn, kvazaŭ ili ne estus komento-temoj de aliaj homoj, kvazaŭ neniu atende spektus por **postkomentoj**.
*K.Jakobo, el la usona, La Gazeto, 82 (apr. 1999), p. 16*

**Postkomencanto** estas – same kiel en tiu franca proverbo – io inter fiŝo kaj krabo, la plej komplika stato de esperanto-estado.
*Spomenka Ŝtimec, or., Kroatio, tejo tutmonde, 1993, 4, p. 10*

Ni revenu al la Esperanta eldono. Feliĉe, ĝi enhavas ne nur la tradukon. En la **postkomento** Sten Johansson enkondukas en la histori-kulturan fonon, analizas la verkon...
*Halina Gorecka, or., Rusio, La Ondo de Esperanto, 2003, 3, p. 16*

Komence de 2006 ekestis en la komunikiloj kaj sur kelkaj ĉefurbaj stratoj granda tumulto pri la apero, ses monatojn antaŭe, de insultemaj karikaturoj en dana ĵurnalo. Jen interesa **postkomento** de la nederlanda ministro...
*Toon Witkam, or., Nederlando, La Gazeto, 124 (apr. 2006), p. 32*

Mauro La Torre en Romo (**postkomunisto**, prezidanto de ILEI) ne kaŝas sian skeptikon...
*Redakcio, or., Heroldo de Esperanto, 2002, 16, p. 2*

Ili supreniris per la lifto, lifto treege malvasta, **postkonstruita** inter la ŝtupar-partoj.
*Serĝo Elgo, or., Literatura Foiro, 155 (jun. 1995), p. 156*

La foko faras furiozan ekskuon... la harpuno pikiĝas en ĝian flankon kaj ensinkas ĝis la tenilo. Kelkaj teruraj batoj de la **postkorpo** vipas la akvon al ŝaŭmo, kaj ĝi estas for, tenante la harpunrimenon kun si en la profundon.

*Henry Fridun, el la norvega*

Kapriole li daŭrigis la saltadon. Lia rideto eĉ vidiĝis sur la **postkranio**.
aha! Ĉe la dompordego du knabinon!
*Mao Zifu, or., Ĉinio, Riveroj, 24 (maj. 1999), p. 20*

En la **postkuirejo** Gjarta aktivis, ĉiumomente rigardante eksteren.
*Finn Elwarth, el la dana, Fonto, 262 (okt. 2002), p. 24*

Ĉu Lauga estas flirtema? ... Sed tiel estas ke ili estas **postkuzinoj**. Lauga kaj ŝi. Kaj kiom senlime ŝi ja deziris venĝi pro ŝia parencino kaj amikino.
*Petur Yungi Gunnlaugsson, el la islanda, La Tradukisto, 43 (mar. 2003), p. 2*

Virino, antaŭa esperantisto, eĉ speciale studema, vizitas min kaj volas refoje lerni esperanton por UK 2004 en Pekino aŭ la **postlabora** vivo. Ho jes, Esperanto restas utila...
*Mao Zifu, or., Ĉinio, La Gazeto, 100 (apr. 2004), p. 37*

Eĉ se ni supozas aparteni al la literatura avangardo, mi **postlamas** tamen la eventojn, certe senlacaj, ĉar la inta kaj la anta, murde sinregala, ne eskapas nin. Kion la historiistoj intencas forklasi, tio restas por ni aktuala,
*Literatura Foiro, 221 (jun. 2006), p. 124*

Mi mencias ĉi makuletojn escept-okaze, kiel **postlecionon** por la kuraĝaj kuntradukintoj.
*Jorge Camacho, or., Hispanio, La Ondo de Esperanto, 2007, 8-9, p. 24*

Ĉeestantoj (ĉefe ĉinoj) ne aŭskultis la paroladojn, absorbite de sia babilado aŭ eĉ de ĝojholado verŝajne pro **postlonga** renkontiĝo kun konataj esperantistoj...
*Doi Ĉieko, or., Eventoj, 1996, 2/dec., p. 5*

Ni lasas la elokventan patoson de iu Hamleto kortuŝi nin, kvankam ni scias, ke aktoro (kiu **postlude** surmetas modernajn vestojn) prezentas gloran kamuflaĵon...
*Trevor Steele, or., Aŭstralio, Literatura Foiro, 191 (jun. 2001), p. 140*

"Ŝi mortis antaŭ 5 jaroj, la 6-an de aŭgusto."...
"Jes, en la sama dato 20 jarojn post Pikka, pro la **postmalsano** de la atombombo."
*Akino O., or., Japanio, Riveroj, 1994, 6, p. 4*

Sed nun virino restis sida ĉe la tablo kaj **postmeditas** pri tio, kian monstraĵon iu ĵus diris.
*Vilhelmo Lutermano, La Kancerkliniko, 105 (jan.-mar. 2002), p. 23*

Dum mi redaktas ĉi tiujn liniojn, daŭras la "**post-milito**" en Irako. La invadanto Usono helpata de aliaj kunlaborantoj konstante masakras la irakan popolon.
*Luis Serrano, or., Internaciisto, 2004, 1, p.5,*

Li multe plendis pri la kompanio kaj la registaro, sed neniom pri la atombombo, ĉar, li diris, "ankaŭ japanoj suferas". Mi lernis multon de mia amiko kaj lia patro. Ankaŭ la **postmilito** ne finiĝos, ĝis ĉiuj el la suferitoj ricevos la kompenson morale kaj fizike...
*Akino O. or., Japanio, Riveroj, 1995, 10, p. 7*

Tiukaze pli bone estas, se muzika enkonduko, interstrofa muziko kaj **postmuziko** estas tute ne fiksita en muziknotoj, ĝuste tiel, kiel estas en kantoj...
*Irina Mironova, or., Rusio, La Ondo de Esperanto, 2006, 12, p. 24*

Tiu korvegaĉo estas tre malbela, diris la knabino, mi ne volas ĝin. Morgaŭ mi kondukos mian fratinon **postnaskitan** al la fonto por vidi ĉu la korvego al ŝi plaĉos.
*Christian Lavarenne, el la okcitana, Adelin Moulis, La Naŭ Veraĵoj k.a. Mirindaj Rakontoj el la Pireneoj, eld. Hejmoj de Internacia Kulturo, Balagu, Francio, p. 2*

Ĝis ŝi malaperis apud la ŝtuparo, Doktoro Gulopez **postokulis** ŝin kun stranga esprimo.
*Deck Dorval, or., Jaĥto veturas for kaj veturigas la morton, Flandra E-ligo, Antverpeno, 1983, p. 99*

Mi tradukas en mia soleca legoĉambro, plej ofte nur en la **postlaboraj** tempostumpoj.
*Guozhu, or., Ĉinio, Fonto, 254 (feb. 2002), p. 27*

Tio prezentas eksterordinaran preskaŭ unuikan okazon: oni povas legi la pensojn kaj konsiderojn kiuj influis la aŭtoron, kune kun liaj **postpensoj** pri la finita verko.
*Dermod J.F.Quirke, or., Norda Prismo, 1970, 1, p. 64*

"La Sesa Senso" – **Postpensoj** rilate al la Psikologio de la Gravito estis titolo de la prelego. El ĝi mi citas...
*Heroldo de Esperanto, 2003, 1, p. 4*

Hella staris ĉe la pordo de la teraso, kvazaŭ sinkaŝanta ĉe la **pordposto**. Ŝi ĉeestis kaj malĉeestis...
*Istvan Nemere, or., Hungario, Krias la silento, Eld. Bero, Beverley 2002, p. 148*

La postan tagon Tacuo Huĝimoto akompanis min, "tra freŝe lavita aero", komentis li, al la **postpluva** stacidomo de Kameoka.
*Simo Milojević, or., Bosnio – Nederlando, Esperanto, 1993, 10, p. 165*

... sed tiu perdolisto ne povas **postpravigi** la kontraŭjure komencitan kaj krime kondukatan militon, kaj certe ne kompensi la transgrandan nombron de la mortintaj kaj kripligitaj virinoj kaj infanoj, kiu el okcidenta vidpunkto banaliĝas per la barbara perifrazo flankaj damaĝoj.
*Literatura Foiro, 221 (jun. 2006), p. 127*

La nivelo estis, kiel atendeble, tre alta, ĉiam interesa kaj vigla ankaŭ en la **postprelegaj** debatoj.
*Perla Martinelli, or., Italio, Literatura Foiro, 145 (okt. 1993), p. 235*

Grava diferenco inter la nuna jaro kaj la tiamaj estas, ke la esperantistaro estas ĝenerale pli malriĉa. Se antaŭ cent jaroj kvar el kvin aktivuloj en la eŭropa Esperantio estis liberaj profesiuloj (kuracistoj, advokatoj, privataj docentoj), hodiaŭ kvar el kvin estas pensiuloj, senlaboruloj, subsalajratoj, **postprofesiuloj**. Kaj multaj virinoj.
*Giorgio Silfer, or., Svislando – Italio, HeKo 320 1-A, 1 jan 07*

Zamenhof mem emfazis, ke netuŝeblecon oni bezonas por havi ĉiam klaran dokumenton eĉ kiam oni interpretas ĝin diverse aŭ ĝin kritikas; tamen la okazoj en 1905 montras momenton, kiam la plua stirado de la **post-projektaĵo**, de la lingvo

esperanto, ŝajnas komcerni nur la partojn pli delikatajn kaj detalajn.
*Blazio Vaha, or., Literatura Foiro, 151 (okt. 1994), p. 261*

Ununura stilofalo, miaopinie, estas peco – bonŝance mallonga – kie la aŭtoro indulgas en satireto la iberskolanan diboĉon kontraŭ kelkaj **(post)raŭmistoj**... nekompreneble ekster nia ronda familio.
*Federico Gobbo, or., Afriko – Italio, La Gazeto, 131 (jun. 2007), p. 29*

... kaj tiom larĝe kaj profunde la plugilo plugis ke moviĝis la tero kaj tiris la taŭroj tiun teron eksteren en la maron kaj okcidenten kaj haltis en iu markolo. Tie Gefjun starigis la teron kaj nomis ĝin Selund (nun Sjaelland). De kie la tero venis **postrestis** lago. Ĝi estas nomata... [do postresti havas du sencojn, rim. de A.G.]
*Sigurdur H. Putursson, or., Islando, La Gazeto, 131 (jun. 2007), p. 15*

Jam vespero estas: kvietiĝas ĉio,
Nigre foliaron lulas akacio.
Zumas noktskarabo en flug' kontraŭmura:
Ekfrapeto forta – **postsilento** nura.
*Nikolao Turzs, el la hungara, Norda Prismo, 1967, 3-4, p. 161*

Vi vokas serviston severe,
Vestiĝas sen troa neto,
Forpelas **postsonĝan** penson –
Ja antaŭ bonŝanca veto
Ne indas priŝarĝi menson.
*Ivan Naumov, or., Rusio, REGo, 2001, 1, p. 46*

... ke oni lin konsideros la plej glora filo kaj kontribuo de lia lando, kiam la memoro pri ĝia foje giganta imperio forgesitos, aŭ **postspuros** nur kelkaj kurtaj aŭ eĉ kuriozaj konstatoj en la historilibro de la homaro.
*Edwin de Kock, or., Norda Prismo, 1970, 1, p. 56*

De tiam en mi la milito, eĉ dum paŭzoj, nomataj paco, ne povas ĉesi. Ĝi estas kiel **postŝoko** aŭ antaŭaverta tremo. Ĝi estas la recidiva skabio.
*Literatura Foiro, 221 (jun. 2006), p. 128*

“Kial vi ne faris viziton ĉe mi post via reveno?”
“Pro **posttimo**!”
*Mao Zifu, or., Ĉinio, Monato, 1994, 12, p. 25*

La virinoj portas sur si robon, kaj sinjorinoj – **posttukon** kaj rondan broditan ŝalon kun arĝentaj ornamaĵoj.
*El Popola Ĉinio, 2000, 6, p. 24*

Ĉu ardos re ĉi amo, se l' **postvivo**
iel realos preter ajn fiktivo?
*Nicolino Rossi, or., Italio, Literatura Foiro, 224 (dec. 2006), p. 283*

Televita estis demenculino, kiu vivis meze de la pasinta jarcento en la provinco Santiago de l' Estero norde de Argentino...
Post la morto ŝi estis konsiderata kiel popola sanktulino kaj tiu kredo ankoraŭ ho-

diaŭ **postvivadas**.
*Atilio Orellana Rojas, or., Argentino, La Gazeto, 100 (apr. 2002)*

[Post tertremo] Miloj faras kiel ni, piede kaj veturile, sed aliflanke de la vojo aliaj rapidis en la urbon kun angoraj mienoj. Al kiu ni plej kompatu: la viktimoj aŭ la **postvivantoj**.
*Poul Thorsen, or., Norda Prismo, 1964, 1, p. 8*

La klanistoj batalas en la nomo de Dio. Tial iliaj malamikoj estas alireligianoj. Kelkaj el ili estas fanatikegaj pri tio, ili estas la **"postvivistoj"**, malmultaj sed danĝeraj. Ili kredas je la fino de la mondo kaj atendas ĝin.
*Andrien Durandaro, or., Kontakto, 2001, 4, p. 8*

Kion sciis tiu nana olduleto kun sia aĉa aldviolono, per kiu li kiel la eterne dua persono ĉiam nur **postzumis** la muzikon luditan de aliaj?
*Pèter András Rados, el la hungara, I.Gáll, La princo, Hungara Vivo, 1989, 2, p. 57*

## PRESKAŬ

Lia kritiko al fenomenoj kiel imperiismo, milito aŭ ekspluatado estas persona, inspirita de lia sopiro al la antaŭe pli bela pejzaĝo de Anglio kaj al homaj rilatoj iam plifacilaj kaj spontanaj (kiel videblas de la gaja **preskaŭ-anarkio** en kiu vivas la provinco).
*Daniele Vitali, or., Italio, Literatura Foiro, 182 (dec. 1999), p. 317*

Kompreneble nia nesperta Edipo baldaŭ gravedigis sian **preskaŭpatrinon**, kaj ŝi opinias, ke li ne estas matura por patrumi do li devas foriri.
*Blazio Vaha, or., Literatura Foiro, 137 (jun. 1992), p. 152*

Ĉi tie la sicilia grandagesta **preskaŭ-nano** rendevuis kun grupo da albanaj sindikataj aktivuloj.
*Johán Valano, or., Ĉu li bremsis sufiĉe?, Antverpeno – La Laguna, TK-Stafeto, 1979, p. 71*

Li sciis, ke mi politike estas lia kontraŭulo, aŭ **preskaŭkontraŭulo**, li sciis pri mia restado en la koncentrejo.
*J.H.Rosbach, or., Norvegio, Silka kuseno, Oy Mendoservo Ak, Finnlando, 1991, p. 56*

Ĵula-Pareo jam estas pli ol 90-jara kaj estras la umutinojn. Li rakontas la tragikan historion pri luktoj kaj **preskaŭ-ekstermiĝo** de Umutino.
*Pekim T.Vaz, or., Brazilo, Kontakto, 2000, 5, p. 4*

Poste venis renesanco... vi havis pluajn ducent eĉ pli da jaroj, ke do por tiu renesanca vestumo oni povis **preskaŭ-sufiĉe** monŝpari.
*Jiři Kořinek, el la ĉeĥa, Fonto, 23 (aŭg. 1982), p. 33*

**Preskaŭeldiroj**,
en la **preskaŭlunlumo**.
*el kolekto de Klara Iluitoviĉ, Elektrostalj, Moskvio, ricevita marte 1998*

***elnotis Anatolo Gonĉarov (Krasnojarsk)***

# PEĈAKUĈO: NOVA FORMATO KONKERAS ESPERANTUJON

Hura! Longa rusa vintro finiĝis. Bela printempo ricevis posedrajtojn pri la tempo. Marto, la 1-a de aprilo, la 15-a , la 29-a, la 30-a… Kaj finfine – la 1-a de majo! Ĝuste tiel kalkulas printempajn tagojn esperantistoj de Uralo kaj Siberio. Ne, tute ne Tagon de Printempo kaj Laboro ili atendas, sed alian feston, pli ĉarman kaj mojosan – Esperantistan Primaveron ("EsPrimon").

Ĉi-jare "EsPrimo" okazis en la bela siberia urbo Tjumeno kaj kolektis 57 homojn el 15 urboj de 2 landoj. Tri printempaj tagoj (la 2-a – 4-a de majo) pasis en amika etoso, unu interesa programero sekvis tuj post alia, ne malpli bela. Prelegoj, kantoj, dancado de argentina "ĉakarera" kaj vigla belga polko, interpretista konkurso, sportaj ludoj, amika rondo, kaj certe japana peĉakuĉo, eble la unua en Esperantujo. Ĝuste pri tio estos la artikolo.

Do dekomence – kio estas peĉakuĉo kaj de kie aperis tiu stranga (almenaŭ por rusaj oreloj) vorto.

"Peĉakuĉo" – japandevena vorto, kiun oni povas traduki kiel "blabla!" aŭ "senorda babilado".



Tamen en la realo peĉakuĉoj tute ne estas nur sensencaj kunvenoj de babilemaj homoj. Tio estas neoficialaj intelektaj eventoj, dum kiuj homoj prezentas iun temon per 20 bildoj, parolante nur 20 sekundojn pri ĉiu bildo – entute 6 minutojn 40 sekundojn por unu prezentaĵo. Poste spektantoj havas 6 minutojn kaj 40 sekundojn por fari demandojn al la parolanto. Kaj post tio jam nova persono komencas prezenti sian temon.

Elpensis peĉakuĉon loĝantaj en Tokio du aŭstroj Astrid Klein kaj Mark Dytham en 2003. La vorto kaj la aranĝo mem disvastiĝis tra la tuta planedo. Hodiaŭ peĉakuĉoj pasas en pli ol 600 urboj de la mondo. En Rusio tiuj estas Moskvo, Peterburg, Jekaterinburg, Permj, Vladimir, Samara, Rostov kaj Glazov.

Kiel aperis la ideo organizi la unuan peĉakuĉon? Kiam Astrid Klein kaj Mark Dytham fondis en Tokio la arkitekturan oficejon – KDA (Klein Dytham Architecture – eta Dytham-arkitekturo), ili devis ĉiutage aŭskulti multnombrajn prezentadojn de siaj kolegoj. Vi scias, ke kreemaj homoj parolas ege multe! Donu al tiu homo mikrofonon, kaj li/ŝi parolos eterne. Arkitektoj kaj dezajnistoj ne estas escepto. Astrid Klein kaj Mark Dytham laciĝis pro longaj paroladoj kaj komencis serĉi solvon de la problemo. Do ili starigis regulojn por ĉiuj prezentantoj – via raporto devas konsisti el 20 bildoj kaj pri ĉiu bildo vi rajtas rakonti nur 20 sekundojn.

Komence peĉakuĉoj estis do nur renkontiĝoj de junaj arkitektoj kaj dezajnistoj.

Tamen dum mallonga periodo la aranĝo elŝprucis el la kadroj, kiujn kreis Astrid kaj Mark, kaj kiel infekto disflugis tra la tuta mondo.




Nun peĉakuĉoj estas aranĝataj en diversaj lokoj, kie estas spaco por babili, pensadi kaj ripozi – en kluboj, kafejoj, ĝardenoj, universitatoj, bibliotekoj, preĝejoj, forlasitaj malliberejoj, sur plaĝoj, en basenoj kaj eĉ en ŝtonminejoj!

La prezentaĵojn povas krei iu ajn. Ekzemple la filino de Astrid Klein faris sian unuan raporton (pri memfaritaj pentraĵoj), kiam ŝi estis nur 5-jara. La patrino de Mark Dytham, kiam ŝi aĝis 69 jarojn, rakontis dum peĉakuĉo en Tokio pri geedziĝa torto, kiun ŝi mem bakis.

La parametroj 20×20 ebligas montri mallongajn, viglajn, atentokaptajn rakontojn, ĉar por sukcese sekvi la proponitan formaton necesas elekti ĉion plej interesan – la plej bonajn fotojn, la plej interesajn komentojn, la plej taŭgan manieron de sinteno, la plej trafan humuron ktp. Oni povas prezenti ion ajn – novan projekton, unikan ideon, recepton de ŝatata kuko, rimedon kontraŭ dikiĝo, Fibonaĉi-nombrojn, siajn spertojn pri petveturado, infuzado de teo ktp ktp. Ne ekzistas limoj por libera flugo de fantazio! Pro tio peĉakuĉojn povas partopreni infano kaj plenkreskulo, specialisto kaj nemetiisto, urbano kaj vilaĝano, dommastrino kaj ĉefo de "ora" fabriko – do ĉiu, kiu volas en neoficiala etoso dividi sian sperton pri io kun aliaj homoj, rakonti pri tio, kio emocias lin/ŝin, trovi partnerojn (eble eĉ klientojn), samideanojn, kompreni ion por si mem kaj trejniĝi pri publika parolado. Por spektantoj peĉakuĉoj estas plia bona eblo por plivastigi sian intelektan horizonton. Jen tiel kurte kaj resume pri peĉakuĉo. Mi esperas, ke nun la vorto ne ŝajnas al vi tia stranga kaj strida. Kaj ni revenu al "EsPrimo-9".

Aleksandr Osincev, talenta junulo el Jekaterinburg, sperta esperantisto, direktoro de la unua Esperanta Kinofestivalo (Brazilo, San-Paŭlo, 2011) jam vintre enkapigis la ideon aranĝi peĉakuĉon dum "EsPrimo" en Tjumeno. Dirite – farite!




Kaj jen estas la 2-a de majo, kaj jam Saŝa staras sur scenejo kaj invitas la unuan peĉakuĉan prezentanton – Vladimir Opletajev el la urbo Surgut.




"Ĉu vi pretas?" – demandas Saŝa. "Jes!" – elspiras Vladimir ridetante, ja tio por li estas la unua sperto pri peĉakuĉo. "Do mi ŝaltas la lumbildojn!" – respondas Saŝa, antaŭĝuante intelektan rakonton.

"Tempovojaĝo estas translokiĝo de homo, alia vivanta organismo aŭ objekto el la nuna tempo en iun konkretan momenton de la estinta aŭ estonta tempo..." – komencas sian rakonton Vladimir, sukcese trafante la formaton 20×20. "Ĉu vi sciis, ke eblas vojaĝi en estontecon, sed neniam en pasintecon? Ĉu vi aŭdis pri *talpaj truoj*, *paradokso de ĝemeloj* kaj *paralelaj universoj*? Ĉu vi bone komprenas la teorion de relativeco de Ejnŝtejno?" – demandas spektantojn kaj daŭrigas la rakonton Vladimir.

Do, kiel vi komprenis, la temo, prilumata de V.Opletajev, estas "Vojaĝado tra la tempo". Esti la unua ĉiam iomete malfacilas en iu ajn afero, sed Vladimir brile plenumis sian taskon, kaj lia prezentado estis unu el la plej interesaj. Tamen, kurante antaŭen, mi malkovros al vi la sekreton – ĉiuj prezentaĵoj dum la peĉakuĉo en Tjumeno estis interesaj kaj allogaj.

Jen la sekva prezentanto surpaŝas la scenejon. Tiu estas Viktoro Kudrjavcev el Jekaterinburg, kaj li jam senpacience volas rakonti pri Rimaro. "Ĉu vi pretas?" – Saŝa demandas. "Jam delonge," – respondas kuraĝe kaj firme Viktoro. Kaj la unua lumbildo aperas sur la ekrano. Tiuj el vi, kiuj versas en Esperanto, scias, kiel malfacile foje estas trovi konvenan rimon. Vi sidas kaj ronĝas skribilon, ĉifas kaj forĵetas en rubujon multajn paperojn, ĝis kiam venos en la kapon taŭga kaj ĝusta vorto. Ne rompu la cerbon, alparolu Viktoron, kaj li trovos por vi la rimon, eble eĉ plurajn, kaj vi povos elekti la plej karan por via koro.

Kiam la prezentado finiĝas kaj sekvas tempo por demandoj, tuj aperas persono, kiu proponas komputilan helpon al Viktoro en la kreado de Rimaro. Tio pruvas do ankoraŭfoje, ke peĉakuĉo estas aranĝo, kie oni povas trovi por si partneron, helpanton, samideanon ktp. Ne vane ja ni lanĉis la eventon.

Dum homoj varme aplaŭdas al Viktoro, Oljga Ŝilajeva, esperantistino el Glazov, sekvas. La temo de ŝia prezentaĵo estas "Tiel la mondo... aspektas". Malgraŭ ke profesie Oljga estas ekonomiisto kaj nun instruas ekonomikon en universitato, ŝi interesiĝas pri geografio kaj ekde la infanaĝo ŝatas esplori mapojn: ĉu mondajn, regionajn aŭ urbajn – ne gravas. Do, Oljga kolektas mondmapojn de diversaj landoj.

"Vidu, jen tiel aspektas la mondo de ĉinoj, jen tiel tiu de brazilanoj, jen la mondmapo de Usono, kaj jen de Aŭstralio," – montras fotojn kaj rakontas Oljga. "Fakte la temo por la prezentado naskiĝis de aŭstralia mapo, kiam mi rimarkis ĝin en la rusa socia reto *VKontakte*" – daŭrigas Oljga sian prelegon, kiam la publiko

vidas sur la ekrano aŭstralian mondon, kiu aspektas tro nekutime por ni: la sudo sur tiu mapo troviĝas supre kaj la nordo – sube, do la mondo estas renversita. Kaj alia interesa scio, kiun dividas Oljga kun la spektantoj, estas ke ĉiu popolo metas sian landon en la centron de "sia" mondo. La bildoj, montritaj de Oljga, argumentas la teorion.




Ekde tiu tempo la spektantoj fariĝas pli viglaj, ili ja komprenis la sencon de peĉakuĉo kaj ne opinias jam la eventon fremda kaj malfavora. La peĉakuĉo pli kaj pli logas ilin. Bonege!

Kaj jen jam Aleksandr invitas la sekvan peĉakuĉanon: "Katerina Arbekova el Novosibirsk. Fabelo pri RA. Renkontu kaj aplaŭdu!".

RA – Renkontiĝo de Amikoj – estas tradicia tendaro de la Novosibirska Esperanto-klubo. RA okazas ĉiujare, en Rusio aŭ Ukrainio, kaj ĉiam distras partoprenantojn per diveresspecaj programeroj: dunivelaj E-kursoj, sportumado, metiejoj, lernado de E-kantoj, ekskursoj ktp. Ĉi-jare okazos jam la 8-a RA. Ĝi pasos la 8-an – 15-an de julio en Krimeo je 120 kilometroj de Eŭpatorio en pitoreska sovaĝa loko apud la maro. Ĝi sekvos tuj post la ukraina aranĝo "Rideto" – Internacia familia E-tendaro. Tio estos do bona ebleco havi dusemajnan ripozon inter esperantistoj! Aliĝu!

Sed kial la temo nomiĝas "Fabelo pri RA"? Katerina rakontis tutan historion de RA, ekde kiam la "infano" faris nur siajn unuajn paŝojn ĝis nun, kiam ĝi jam fariĝis 8-jara.

Kiam venas la tempo por demandoj, ĉiuj kun rideto ekscias, ke la infano RA estas "li", do estas knabo. "Sed, Katja, ĉu vi ĝustas pri tio, ke RA havas viran sekson, kaj kiel vi komprenis tion?" – demandas la scivolema publiko. "Ĉu iu ajn patrino iam dubis pri la sekso de sia bebo? Ekde la komenco mi sciis, ke RA estas li!" – metas dikan punkton al la diskuto K.Arbekova.

Pretas paroli Nadeĵda Borisova el Tjumeno, avino de la plej juna partoprenanto de EsPrimo-9, Artjom Veselov. Nadeĵda faras prelegon kaj montras fotojn, kiel ŝi kun la nepo vojaĝis al Bajkalo. Artjom estas ege vojaĝema kaj kuraĝa knabeto. Estante nur 3-jara, li jam vidis multon, konatiĝis persone kun pluraj esperantistoj kaj eĉ helpis al la gepatroj aranĝi "EsPrimon". Kiam oni vidas tiajn ĉarmajn knabojn – partoprenantojn de E-renkontiĝoj, oni eĉ ne dubas, ke Esperanto vivos kaj ke la lingvo havas estontecon.

Tiel finiĝas la unua parto de la peĉakuĉo. Domaĝe! Ni devas atendi la tutan diurnon por ĝui prelegojn de la restintaj partoprenantoj. Sed bonaĵojn oni devas ricevi poiomete, po malgrandaj porcioj, por ke ili ne fariĝu kutimaj, tedaj aferoj. Do ni atendu morgaŭon!

Kaj jen finfine venas la morgaŭa tago kaj kun ĝi la dua parto de la peĉakuĉo.




Malfermas la liston de prezentantoj ĉi-foje Raja Kudrjavceva el Jekaterinburg per prelego pri la vivo de la Jekaterinburga E-klubo "Arĝenta Flamo". Jekaterinburganoj ne nur havas lecionojn kaj oficialajn klubajn kunvenojn, ne nur okupiĝas pri ĉiutagaj farendaĵoj, sed ankaŭ ofte vizitas teatrojn kune, festas naskiĝtagojn de klubanoj, marŝas al montaroj, akceptas gastojn el aliaj urboj kaj landoj – ili vivas do! "Arĝenta Flamo", ŝajnas, estas ne nur klubo de esperantistoj, sed ankaŭ klubo de bonaj amikoj. Ankaŭ blindaj esperantistoj estas plenrajtaj kaj aktivaj partoprenantoj de la klubo. "Bravuloj estas membroj de "Arĝenta Flamo"!" – konstatas la spektantoj kaj faras demandojn al Raja pri planoj de la klubo ktp.

Nun Saŝa Osincev, la gvidanto, ekpaŝas la podion por inviti prezentantinon el Ĉeljabinsk – Darja Zelenina, kiu studas lingvojn en universitato kaj emas rakonti pri sia propra sperto, kiel efike lerni lingvojn. Ĉiam estas pli oportune uzi metodojn, kiuj jam estis aprobitaj de iu. La lingvokapabloj de Daŝa estas bonega ekzemplo, ke la metodiko vere funkcias kaj estas fruktodona. "Lernu lingvojn ĉiutage, minimume dum 5 minutoj, nepre trovu kunparolantojn, ĝuu la procezon. Se vi sentas, ke la studado tedas vin, ŝanĝu teknikaĵon aŭ aliajn instruilojn, kaj kio plej gravas – starigu konkretajn celojn. Jen la reguloj de efika lingvolernado," – konstatas Darja. "Daŝa, kiujn lingvojn vi posedas?" – demandas iu el la publiko. "La anglan, la germanan, la svedan, la francan, la nederlandan kaj certe Esperanton. Kaj nun mi lernas la finnan, uzante la saman metodikon," – respondas Daŝa. Tre unika junulino ŝi estas!

Jam staras apud la ekrano samurbanino de Daŝa, Galina Terentjeva, kaj montras al la publiko belajn fotojn pri sia vojaĝo al la etna centro "Akvilon" (Ĉeljabinska provinco), kie turistoj povas amikiĝi kun ĉarmegaj bonkoraj hundoj, spertiĝi pri vivo en jarango (ĝi estas konusforma tendo-tipa loĝejo de siberiaj nomadoj), konatiĝi kun Avo Frosto de nordaj popoloj kaj eĉ pensigi al si propran deziron. Galina turismadis ne sola, sed kun sia edzo Nikolao kaj esperantista amiko el Francio – Matthieu (Matjo). Galina invitas ĉiujn veni al "Akvilon" kaj havi bonegan tagon tie inter belega naturo, pura aero kaj ĉarmegaj hundoj.




"Dankon al Galina, kaj por

fermi la peĉakuĉon mi invitas Marina Stepaĉova el Tjumeno. Marina rakontos al ni pri unu el la plej kreivaj kaj originalaj arkitektoj kaj desegnistoj, pri la plej fama el la reprezentantoj de la kataluna modernisma skolo – Antonio Gaŭdi," – diras estre Saŝa. Sur la ekrano la publiko vidas foton de *La Sagrada Familia* en Barcelono, kiu estas la plej konata granda katolika preĝejo, preskaŭ katedralo, al kiu Gaŭdi dediĉis la lastajn jarojn de sia vivo, kaj kiu, preskaŭ 80 jarojn post lia morto, ankoraŭ ne estas finita. Potse sekvas fotoj de *Casa Milà*, *Casa Batlló*, *Palau Güell*, *Parc Güell* – konstruaĵoj en Katalunio; kaj *Episkopa Palaco de Astorga kaj Casa Botines* – en Leono. "Antonio Gaŭdi – arkitekto, pridiskutata pro la aŭdaco kaj originaleco de siaj kuraĝaj ideoj jam en sia tempo, – post periodo de relativa forgeso kaj neglekto nuntempe ĝuas popolan admiron, kaj en la tuta mondo lia aŭtoritato vere plifortiĝis en diversaj rondoj, ne nur fakaj," – finas la prelegon Marina. Tute hazarde la lasta prezentaĵo de nia peĉakuĉo koincidis kun la ĉefa temo de la unuaj peĉakuĉoj en Tokio – arkitekturo.

"Mi dankegas ĉiujn partoprenantojn pro viaj interesaj, bone preparitaj rakontoj. Mi estas ege dankema al la karaj spektantoj pro saĝaj demandoj kaj vera engaĝiĝo. Sen vi nia peĉakuĉo ne okazus. Kaj jen malgrandaj donacoj por vi," – diras Saŝa kaj disdonas KD-ojn. "Dankon al vi, kara Aleksandr, pro via kreemo, ĝojigu nin daŭre per novaj projektoj," – sincere respondas la publiko.




Jes, ĉio havas sian finon. La dutaga peĉakuĉo finiĝis. "Ĉu bedaŭrinde aŭ feliĉe?" – demandos vi. Mi bedaŭras, ke en la plej proksima tempo mi ne ĝuos tiun eventon inter esperantistoj (kvankam junie okazos nia 3-a urba peĉakuĉo, sed ĝi ja ne estos programo en Esperanto). Sed mi feliĉas, ke mi povis partopreni mem kaj aŭskulti belegajn prezentadojn de aliaj homoj dum "EsPrimo-9", ekscii multon, fari konkludojn kaj inspiriĝi por novaj similaj aranĝoj.

P.S. Kiam sabate, la 4-an de majo, ni adiaŭis unu urbon post la alia, kaj nia rondo de partoprenantoj de "EsPrimo-9" fariĝis pli kaj pli malvasta, mi sentis, ke kun tiuj adiaŭoj forveturas al aliaj urboj parteto de mi, kaj mi iĝas malplena.

Karaj amikoj, dankon al vi pro la ĉarma etoso, pro viaj varmaj koroj kaj sinceraj vortoj. Dankon pro nova sperto. Tiuj printempaj tagoj jam okupis sian lokon en mia animo kaj por ĉiam restos tie. Mi fojfoje eligos ilin.

***Oljga Ŝilajeva (Glazov)***

Bulteno de REU

JUNIO 2013

**№76**. Kompilas kaj redaktas Nikolao Gudskov (rete: nikolao@yandex.ru), redaktofino – 31.05.2013

## SUPLEMENTO 1
## AL LA PROTOKOLO DE LA 27-a KONFERENCO DE REU
## Regiona agado kaj kontaktoj kun lokaj esperantistoj

***Raporto al la 27-a Konferenco de Rusia Esperantista Unio***

Entute estis senditaj 70 leteroj. La celo de tiuj ĉi leteroj estis ekscii la Esperanto-situacion en diversaj rusiaj urboj:
– Esperantistoj el 22 urboj ne respondis.
– E-kluboj estas en 19 urboj.
– En 29 urboj ne estas E-kluboj.

Laŭ interkonsento kun Prezidanto de REU G.Arosev la leteroj ne estis senditaj al Ĉeboksari, Ivanovo, Moskvo kaj Tiĥvin, ĉar la agado en tiuj urboj estas pli-malpli konata.

*Urboj, kie estas E-kluboj:* Ĉusovoj, Dimitrovgrad, Glazov, Jekaterinburg, Jelec, Kazanj, Krasnodar, Murmansk, Novoĉerkassk, Novorossijsk, Novosibirsk, Otradnaja, Soĉi, Tjumenj, Tomsk, Uljanovsk, Vladivostok, Volgodonsk, Volgograd.

En 13 urboj estis organizitaj diversnivelaj Esperanto-kursoj. En 6 urboj kursoj ne okazas. En ĉiuj urboj, kie estas Esperanto-klubo aŭ grupo, ties membroj organizas regulajn kunvenojn, partopenas urbajn eventojn, kelkaj prezentas la lingvon en la urbo. En la urboj, kie pro diversaj kialoj oni ne instruas Esperanton, estas malpli forta movado kaj lokaj esperantistoj malmulte okupiĝas pri la lingvo kaj malofte disvastigas ĝin en siaj urboj.

*Urboj sen E-kluboj:* Armavir, Barnaul, Birobiĝan, Brjansk, Ĉeljabinsk, Ĉerepovec, Iĵevsk, Irkutsk, Jaroslavlj, Kamensk-Uraljskij, Kemerovo, Kostroma, Krasnojarsk, Luga, Namereĵnije Ĉelni, Niĵnij Novgorod, Niĵnij Tagil, Novokuzneck, Orenburg, Penza, Permj, Petrozavodsk, Rostov-na-Donu, Salavat, Samara, Saratov, Surgut, Tverj, Usinsk.

En la urboj sen Esperanto-kluboj la movado ne estas aktiva, nuntempe E-kursoj ne okazas kaj solaj esperantistoj ne ofte okupiĝas pri la lingvo.

***Raportis Arina Osipova,***
***estrarano pri regiona kaj kluba agado***

## Nova komitatano A de UEA

Dum la unua kunveno de la Estraro de REU estis konfirmita decido de la 27-a Konferenco elekti komitatano A de UEA Tatjana Loskutova (post ricevo de ŝia konsento).

## Internaciaj Esperanto-Tagnoktoj

*1-a – 15-a de julio 2013 en Tarĥankut, Krimeo*

*Organizantoj: Jalta kaj Novosibirska E-kluboj sub aŭspicio kaj kunlabore kun REU kaj UkrEA*

IET-3 (Internaciaj Esperanto-Tagnoktoj) en unika krimea loko Tarĥankut ĉe Nigra Maro estos duparta:

**1-a – 8-a de julio: "Rideto" — Internacia familia E-tendaro**
Diversspeca artprogramo por infanoj kaj plenaĝuloj (E-teatro "Improvizo", pupteatro, metiejoj, animacia studio, kantoj, E-kursoj, vesperaj fabeloj). Organizas jalta E-klubo "Tero" <jefim@jalto-esperantoklubo.org>.

**8-a – 15-a de julio: "RA" – Renkontiĝo de Amikoj**




Venu por ĝui la tempon inter esperantistoj, lerni Esperanton kaj sportumi.
Organizas Katerina Arbekova <www.ra.nsk.ru>, <katka8@ngs.ru>.
Eblas plena aŭ parta partopreno de ambaŭ aranĝoj.
**Posttendaro:** Post la 15-a de julio en Jalto (maro, arbaro, montaro).
Pri detaloj kaj aliĝo eblas ekscii ĉe la paĝo:
<www.jalto-esperantoklubo.org/eventoj/iet-3/>.



## KER-ekzameno en Moskvo

La 8-an de junio en la klasĉambroj de la lernejo n-ro 1199 por la naturdotitaj infanoj pasis la Dua Tutmonda KER-sesio. En Moskvo la KER-ekzameno okazis jam la trian fojon (junio 2012, decembro 2012 kaj nun). El 20 aliĝintoj por tri niveloj la ekzamenon pasigis 14 personoj, grandparte lernintoj de I.Gonĉarova kaj S.Smetanina. Ĉi-foje estis duono de la novuloj, kiuj kuraĝis ekzameniĝi en la nivelo B1. Ĝojigas la fakto, ke ekzamenitoj taksis la organizadon kaj etoson perfekta. Grandan dankon pro kunlaboro kaj helpo al I.Gonĉarova, N.Gudskov, T.Loskutova. Ni esperu pri aliaj sesioj kun pli granda nombro de partoprenontoj.

***Svetlana Smetanina (Moskvo)***

## REU-Konkurso "Esperanto-instruisto de la jaro (2014)"

Karaj geamikoj, oni ofte demandas en la esperantista medio: kia devas esti nuna instruisto de Esperanto?

Ĉiuj scias, ke tiu estas unuavice konscia adepto de la internacia lingvo, kiu ŝatas Esperanton, konstante perfektigas siajn lingvokonojn kaj emas oferti ilin al aliaj homoj. La instruisto de Esperanto estas do modela parolanto, oratoro, aktorema persono bone konanta la normojn de la paroletiketo. Sed krom la altnivelaj lingvaj aspektoj ĉi tiu homo posedas multajn specifajn trajtojn, kiuj kapabligas lin/ŝin profesinivele organizi kaj gvidi kursojn por diversaj celgrupoj de lernantoj. Inter instruantoj de Esperanto estas profesiaj lingvoinstruistoj, posedantaj bezonatajn kompetentecojn: perceptan, projektan, komunikan, organizan, analizan, artan, sed la lingvon peras ankaŭ multaj instruemaj homoj, kies profesia specifeco ne estas strikte ligita al la instrua kampo.

La konkurso, kiun lanĉas Rusia Esperantista Unio en 2013, celas unuavice unuigon de diversaj Esperanto-perantoj en nia lando kaj motivi ilin al la adopto de modernaj kaj altkvalitaj instrurimedoj kaj metodoj.

La Estraro de REU anoncas la 1-an REU-Konkurson "Esperanto-instruisto de la jaro (2014)" kaj invitas instruemajn REU-membrojn aliĝi al la konkurso kaj elprovi sin en la branĉoj, kiuj povas malkovri kaj evoluigi ĉe kiu ajn konkursanto variajn instruistajn talentojn kaj kapablojn.

## Regularo de la Konkurso"Esperanto-instruisto de la jaro (2014)"

**§ 1 Iniciatinto kaj organizanto de la Konkurso:**
Estraro de Rusia Esperantista Unio, Instru-metodika komisiono de REU.
Ĉefa administranto de la Konkurso estas Svetlana Smetanina, Prezidanto de REU.

**§ 2 Celoj de la konkurso**
Stimuli kaj motivi lingvoinstruistojn kaj instruemajn Esperanto-perantojn al okazigo kaj gvidado de diversnivelaj Esperanto-kursoj.
Plialtigi la metodikan nivelon de la Esperanto-instruado ĉie, kie ĝi okazas. Ebligi al la instruantoj de Esperanto prezenti kaj diskonigi siajn instruspertojn.

**§ 3 Celgrupo, partoprenantoj de la konkurso**
Diplomitaj lingvoinstruistoj, profesiaj Esperanto-instruistoj, instruemuloj, aliaj instruantoj kaj perantoj de Esperanto – registritaj membroj de REU en 2013 – 2014.

**§ 4 Kondiĉoj**
La Konkurso estas senpaga kaj libervola. Partopreno en la Konkurso estas foresta. Aliĝilojn kaj ĉiujn konkursaĵojn rete akceptas Svetlana Smetanina <svsmetanina@yandex.ru>. La taskoj, formularoj, skemoj kaj kriterioj estas sendataj al konkursantoj post ilia aliĝo al la Konkurso.

**§ 5 Daŭro**
Instrusezono: septembro 2013 – majo 2014.
Limdato por la aliĝo al la konkurso estas la 1-a de februaro 2014.
Limdato por la akcepto de la konkursaj materialoj estas la 10-a de junio 2014.

**§ 6 Konkursaj branĉoj**
1. **Mia esperantista portreto.** Liberforma aŭtobiografieto kun aparta emfazo kaj pritrakto de kaŭzoj, kiuj motivis la konkursanton al perado kaj instruado de Esperanto. (Amplekso: duonpaĝo A4-formata; tiparo Times New Roman, grando 14)
2. **Gvidado de ĉeesta kurso de Esperanto** (baza, daŭriga, perfektiga ktp.) dum la menciita instrusezono. **Raporto pri la kurso** laŭ la ĉi-suba skemo.
3. **Kurta esperantlingva recenzo** kaj taksado de la okazigita kurso fare de kursfininto, samklubano, samurbano, alia kompetenta persono ĉeestinta leciono(j)n, t.e. liberforma rakonto pri la kurso kaj la rolo de la kursgvidanto. La konkursanto rajtas esti kunaŭtoro de la recenzo. (Amplekso: duonpaĝo A4-formata; tiparo Times New Roman, grando 14)
4. **Detala lecionplano** de unu el la lecionoj laŭ la ĉi-suba skemo.
5. **Eseo** pri la temo "Mia metodika koncepto de la Esperanto-instruado". (Amplekso: de duonpaĝo ĝis unu plena paĝo A4-formata; tiparo Times

New Roman, grando 14)

6. **Recenzo de lernolibro de Esperanto.** (Amplekso: de unu ĝis du plenaj paĝoj A4-formataj; tiparo Times New Roman, grando 14)

**§ 7 Ĵurio**

Ĵurio konsistas el 3 kompetentaj fakuloj. La ĵurion nomumas la REU-Estraro ne pli malfrue ol la 1-an de aprilo 2014, la nomoj de la ĵurianoj restas kaŝitaj ĝis la 1-a de julio 2014, kiam estos proklamitaj la rezultoj de la Konkurso.

**§ 8 Taksado de la konkursaĵoj**

Ĉiu konkurspartoprenanto povas por ĉiu konkursero gajni maksimume 10 poentojn (laŭ la poentiga skalo 0 – 10). La konkurseroj § 6.2, § 6.3 estas taksataj kune. La suma kvanto de la poentoj, donataj de unu ĵuriano, povas esti maksimume 50. Ĉar la ĵurio konsistas el tri personoj, kiuj sendepende unu de la alia taksas la konkursaĵojn, la suma maksimuma poentokvanto sekve estas 150. La konkursaĵoj ne estas recenzataj de la ĵurianoj nek resendataj, apelacioj ne estas akceptataj.

**§ 9 Gratifikoj**

1. La laŭreato kaj la partoprenintoj de la konkurso ricevas REU-diplomojn kaj valorajn librodonacojn.
2. En Rusia Esperanto-Gazeto estos publikigita intervjuo kun la laŭreato de la konkurso.
3. Laŭ la rekomendoj de la ĵurio la Estraro de REU rezervas al si rajton dum unu jaro publikigi interesajn recenzojn de Esperanto-lernolibro en E-gazetoj kaj la paĝaro de REU.

**§ 10 Aliĝilo**

***Rusia Esperantista Unio***
***1-a Konkurso "Esperanto-instruisto de la jaro (2014)"***

Aliĝilo

| | | |
|---|---|---|
| 1 | Familinomo, antaŭnomo, patronomo | по-русски |
| 2 | Familinomo, antaŭnomo, patronomo | en Esperanto |
| 3 | Naskiĝdato ( tago, monato, jaro) | |
| 4 | Hejma adreso | по-русски |
| 5 | Hejma adreso | en Esperanto |
| 6 | Poŝta adreso | по-русски |
| 7 | Retadreso | |

| | | |
|---|---|---|
| 8 | Numero de la poŝtelefono | |
| 9 | Klero (baza naŭklasa / meza lerneja / meza teknika / supera) | |
| 10 | Profesio laŭ la diplomo, scienca grado/titolo | |
| 11 | Laborloko, ofica posteno | |
| 12 | Jaro de esperantistiĝo | |
| 13 | Nivelo de la lingvokono. (La konkursanto mem taksu la nivelon de siaj lingvokonoj konforme al la Eŭropaj Referenckadroj en la kazo se li/ŝi ne trapasis oficialan KER-ekzamenon: A1 A2 B1 B2 C1.) | |
| 14 | Ĉu estas spertoj de la pli frua E-instruado? (jes/ne) | |
| 15 | Aliĝdato (tago, monato, jaro) | |

Atenton!
La sendita de vi kaj akceptita de la REU-Estraro aliĝilo atestas vian starton en la Konkurso kaj obeon al la konkursaj reguloj kaj kondiĉoj.

**§ 11 Apendico. Formularoj, skemoj, taskoj kaj kriterioj**
***La apendicoj estas publikigotaj en la Jarlibro de REU, dezirantoj povas tuj ilin ricevi retpoŝte laŭ peto al Svetlana Smetanina <svsmetanina@mail.ru> aŭ Nikolao Gudskov <nikolao@yandex.ru>.***

## Regiona agado

En la tradicia printempa regiona ural-siberia renkontiĝo “EsPrimo-9”, okazinta la 2-an – 4-an de majo 2013 en Tjumenj, partoprenis la respondeculo pri la regiona agado en la REU-Estraro Roman Bolŝakov. Li decidis veni al “EsPrimo-9” por vidi kiel vivas kaj agas esperantistaro de la fora ural-siberia regiono kaj konatiĝi kun lokaj aktivuloj ĉi tie.

Espereble tio signas bonan komencon de tute novtipaj rilatoj inter REU-Estraro kaj regionoj, pli neformalaj, pli densaj kaj efikaj, kiam la Estraron vere interesos, kio reale okazas en tiu aŭ alia regiono, kiel eblus helpi reaktivigi la E-vivon de iu el regionoj, kie esperantistoj ĝis nun ne malmultas, sed la movado pro iuj kauzoj velkis.

Indus serĉi kaj trovi en tiuj regionoj aktivulojn, kiuj povus unuigi esperantistojn surloke, kaj instigi tiujn aktivulojn okupiĝi pri tio, eble ankaŭ kuraĝigi por or-

ganizo de regiona renkontiĝo eĉ post longa paŭzo de nenio-okazado kaj stagnado en E-movado de la regiono. Kiel mi scias, ĝuste tiel okazis ja dum la prezidanteco de Andrej Grigorjevskij en REU, kiam la Estraro instigis V.Bespalov kaj membrojn de la E-klubo "Laro" provi organizi regionan renkontiĝon "TILE" en Soĉi, kiu nun iĝis jam tradicia en tiu ĉi suda regiono.



Kompreneble, la rilatoj inter la REU-Estraro kaj la regionoj devas esti ambaŭflankaj. Tio signifas, ke ankaŭ la regionoj strebu kunlabori kun la Estraro de REU. Verŝajne, komprenante la gravecon de tio, dum la kunveno de uralaj REU-membroj kadre de "EsPrimo-9" oni proponis elekti por la regiono komitaton, kiu konsistos el: regiona kunordiganto, vic-kunordiganto kaj gvidanto de instru-metodika laboro en la regiono. Post la voĉdonado de uralaj esperantistoj estis elektita la teamo: Raja Kudrjavceva, Aleksandr Osincev kaj Vladimir Opletajev, kies rolo estos aktivigi kaj variigi la agadon de lokaj esperantistoj, kunlabori kun la REU-Estraro, ĝustatempe raporti pri gravaj regionaj okazaĵoj en la dissendolisto "REU-agado" kaj en REGo.

Estus bone, se ankaŭ en aliaj regionoj de nia lando aperus se ne similaj laborgrupoj, do almenaŭ kunordigantoj, kapablaj teni firman ligon kun la Estraro de REU, informi ĝin ne nur pri iuj atingoj de E-movado en la regiono, sed ankaŭ pri eventualaj problemoj, peti la bezonatan helpon kaj subtenon, fari iujn proponojn k.t.p.

Eble la ideo ne estas nova, ni ofte revenas al jam fosita sulko, nur indus kaj endus eble pli zorgeme kaj atente serĉi agemajn esperantistojn, kiuj reale povus plenumi la rolojn de la kunordigantoj, pli regule kontakti ilin flanke de la Estraro kaj pli persisti, por ke la interligoj finfine ekfunkciu kaj donu la pozitivajn rezultojn.

***Raja Kudrjavceva, REU-kunordiganto en Uralo***

# REU-kotizoj por 2013

## – mecenata kotizo: 500 rubloj

*Inkluzivas ĉion de la individua kotizo (vd.sube), sed sur la membrokarto estos skribita "Mecenato de REU".*

**– individua kotizo por 2013: 250 rubloj (por eksterKSŜanoj – 25 eŭroj).**

*Inkluzivas membrokarton, Bultenon de REU en elektronika formo (laŭpete – ankaŭ en la papera) kaj aliajn informojn de REU, voĉdonrajton dum Konferencoj de REU, rabatojn en E-aranĝoj de REU. La individua kotizo validas por la kalendara jaro 2013.*

**– dumviva kotizo: 5000 rubloj (por eksterKSŜanoj – 500 eŭroj)**

*Inkluzivas ĉion de la individua kotizo dum la tuta vivo de la membro.*

**– familia kotizo: 100 rubloj**

*Inkluzivas membrokarton, voĉdonrajton dum REU-Konferencoj, rabatojn en E-aranĝoj de REU. Je familia kotizo rajtas parencoj de individuaj, dumvivaj aŭ me-*

*cenataj membroj, kiuj loĝas ĉe la sama adreso.*
**– kolektiva kotizo: 70 rubloj por ĉiu aligita membro (aliĝintaj kolektivoj pagas minimume por 5 membroj).**
*Inkluzivas po 1 ekzemplero de REGo kaj Jarlibro de REU por kolektivoj kun 10-15 aligitaj membroj (kaj por ĉiu aldona deko de aligitaj membroj), aliajn informojn de REU por la kolektivo; membrokartojn, voĉdonrajtojn en Konferenco de REU, rabatojn en E-aranĝoj de REU.* ***Se la kolektivo pagas por malpli ol 10 membroj, ĝi devas aparte aboni REGon****.*
**– aliĝkotizo por novaj aŭ realiĝintaj kolektivoj – 300 rubloj.**
*Unufoje pagata de nova aliĝinta kolektivo. Jam aliĝintaj kolektivoj ne pagas. Nova kolektivo iĝas regiona organizaĵo de REU kaj laŭpete ricevas dokumenton pri tio. Se kolektivo ne pagas kotizojn por la aligitaj membroj dum du sinsekvaj jaroj, ĝi poste devas denove aliĝi al REU.*

# Pagmanieroj

**1. Poŝta ĝiro:** 142717 Московская область, Ленинский район, п/о Развилка, до востребования, Наталье Николаевне Шороховой
**2.** En **Yandex-Dengi** oni povas pagi al la monujo 41001612527392
3. Pagi kotizon (post anticipa interkonsento) ankaŭ oni povas **persone en Moskvo**.
4. Tra **Sberbank**.
– Se vi havas propran bankan karton, emisiitan de Sberbank, vi povas ĝiri la monon rekte tra bankmaŝino (банкомат). Tiucele enigu karton, entajpu vian identigan kodon, kaj poste elektu en la menuo: "**Перевод средств**". Entajpu numeron de la karto: 6761 9600 0497 614843 kaj necesan sumon.
– Se vi ne havas karton aŭ aŭtomata ĝiro ne sukcesis, vizitu bankon kaj transpagu la monon, uzante ĉi-subajn datumojn:
Банк получателя: ОАО "Сбербанк России"
БИК 044525225, ИНН 7707083893, КПП 775003035, ОКАТО 45286580000, ДО № 0135, 121069, Москва, Поварская улица, 31/29.
Получатель: Шорохова Наталья Николаевна
Номер счёта получателя: 40817 81003 82604 04119, код подразделения 9038/00135

Bonvolu nepre konsideri, ke samtage kun la ĝiro vi devas retpoŝte aŭ telefone informi nin pri via pago (pere de la adreso **membreco@reu.ru** aŭ numeroj de estraranoj). Vi devas informi pri la ĝirita sumo kaj la nomo(j) de persono(j), por kiu(j) estas destinita la pago. Se vi ne informos nin, la mono estos konsiderata kiel anonima donaco por la kaso!

# Eksciu, ke...

## LA 5-a JUNULARA SEMINARIO DE ESPERANTO EN HARBINO

Inter Vladivostoka Esperanto-klubo "Pacifiko" kaj Heilongjiang-a Esperanto-Asocio jam delonge ekzistas amikaj rilatoj. Kaj ne mirindas, ke en vica, jam la 5-a Junulara Seminario de Esperanto, organizita de la Asocio, tradicie partoprenas reprezentantoj de nia klubo.

Sed antaŭ ol trafi en la Seminarion, mi havis feliĉon gasti en Daqing, en hejmo de prezidanto de Heilongjiang-a Esperanto-Asocio s-ro Shi Chengtai, fama verkisto, tradukisto. Malgraŭ lia jam nejuna aĝo (74 jaroj), li aktive okupiĝas pri literatura kreado. Ekzemple en 2010 Esperanto-Asocio de Interna Mongolio eldonis esearon de japana esperantisto Kurisu Kei "Kajto de Esperanto", kiun li sukcese kompilis. En pasinta jaro li faris ĉinan tradukon de "La princo ĉe la hunoj", romano de Eŭgeno de Zilah. Sed sian sperton necesas transdoni al junularo. Jen tial li konstante aktive partoprenas en JS-oj, kiuj ĉiujare estas organizataj en Harbina scienc-teknika universitato.




Ĉi-jare JS okazis la 10-an – 12-an de majo en Feria Vilaĝo apud Harbino. En ĝi partoprenis pli ol 50 esperantistoj el diversaj lokoj de Ĉinio, plejparte gejunuloj. Inter fremdlandanoj estis du personoj: mi kaj s-ano Matti Lahtinen el Finnlando. Matti prezentis kelkajn fotojn surekrane kaj rakontis pri siaj impresoj dum vojaĝo tra Ĉinio. Mi prelegis pri la temo "Lev Tolstoj kaj Laocio". Kvankam temis pri unua rusa traduko de la verko de Laocio "Dao De Jing", dum la prelego al aŭskultantoj estis ankaŭ prezentita libro de la fama antikva ĉina filozofo, tradukita en Esperanton. Post la prelegoj oni proponis al mi kaj Matti okupi lokojn inter anoj de juĝkomitato, kiu taksis parolan kapablon de junaj konkursantoj. Dum la konkurso junaj esperantistoj laŭvice deklamis pri seminaria temo "Amikeco kaj Esperanto". Tradicie vespere en lasta tago de la Seminario okazis dancado, kantado, estis prezentitaj donacoj al gejunuloj, kiuj sukcesis gajni en la konkurso. Necesas akcenti ke prezidantoj de la 5-a Junulara Seminario de Esperanto en Harbino estis du gestudentoj de la universitato, kio donas esperon ke similaj seminarioj havos posteulojn kaj sukcese okazos en estonto.

***Prezidanto de E-klubo "Pacifiko" Gennadij Ŝlepĉenko (Vladivostok)***

## KULTURDOMO ESPERANTO INVITAS



La franca E-Kulturdomo en la kastelo **Greziljono** invitas vin al interesaj semajnoj dum somero, aŭtuno kaj jarfino, ĉiam kun E-kursoj kaj aktivaĵoj:

6-13 julio: **Turisma Semajno** por ŝatantoj de turismado kaj ekskursoj al reĝaj kasteloj, de la francaj historio, kulturo kaj lingvo, vidu en <gresillon.org/s1>.

13-20 julio: **Art-Amatora Semajno** por hobiaj artistoj kaj ŝatantoj de teatro, dancado, kantado, muziko kaj grafika arto, vidu en <gresillon.org/s2>.

20-27 julio: **Alternativa MOJOSejo** (por junuloj kaj pri alternativaj temoj) por vegetaranoj, verduloj kaj piratoj, ekologio-ekonomiko-alternativuloj, migremuloj, biciklantoj kaj tendumantoj, vidu en <gresillon.org/s3>.

3-10 aŭgusto: **Festa Semajno** speciale por infanoj kaj familioj kun beboj, por adoleskantoj kaj junuloj, vidu en <gresillon.org/s4>.

10-17 aŭgusto: **Teatra Aktora Semajno** por amantoj de teatro originala en Esperanto; dezirantaj labori kun profesia aktoro, vidu en <gresillon.org/s5>.

26 oktobro – 2 novembro: **AŬTUNE, la ferioj**: Komuna feriado por infanoj, familioj, geavoj, vidu en <gresillon.org/autune>.

28 decembro – 2 januaro: **Jarfina FESTego** kaj Novjara FESTeno laŭ franca maniero kun maskobalo.

Resumon de somera programo vidu en <gresillon.org/somero>.

Jaran kalendaron vidu en <gresillon.org/agendo>.

Ne hezitu kontakti nin telefone al +33-241891034, aŭ sendu retmesaĝon al <kastelo@gresillon.org>, aŭ skribu al *MCE Gresillon, St.Martin d'Arce, 49150 Bauge en Anjou, France.*

***Bert Schumann (Francio)***

## LITERATURA KONKURSO LIRO-2012

La juĝkomisiono de la tradicia literatura konkurso *Liro-2012* (Aleksej Birjulin, Aleksander Korĵenkov, Alen Kris, Valentin Melnikov, Petro Palivoda, Wolfgang Kirschstein), organizita de *La Ondo de Esperanto*, ricevis 23 konkursaĵojn de 14 aŭtoroj el 7 landoj: Aŭstralio, Francio, Germanio, Hispanio, Hungario, Pollando, Ruslando. (En la antaŭa *Liro-2010* partoprenis 39 verkoj de 22 aŭtoroj el 10 landoj.)

La 14-an de aprilo 2013 la juĝkomisiono anoncis la rezulton de *Liro-2012*.

***Originala prozo***

Laŭreato: **Miĥail Korotkov** (Ruslando) pro *Eksa kosmopiloto*. Laŭda mencio: **Jean-Luc Tortel** (Francio) pro *La skarlatineto.*

***Originala poezio***

Laŭreato: **Aleksandro Mitin** (Ruslando) pro *Stilaro.* Laŭda mencio: **Rustam Karapetjan** (Ruslando) pro *"En domo inter antikvaj mebloj…".*

***Traduko el la angla*** (*The man who would manage* de Jerome K. Jerome)

Laŭ la Regularo laŭreato ne estas anoncita, ĉar partoprenis nur du verkoj. Laŭda mencio: **Russ Williams** (Pollando).

***Traduko el la rusa*** (*Beglec* de Anton Ĉeĥov)

Laŭreato: **Anna Pentus** kaj **Mati Pentus** (Ruslando).

La laŭreatoj ricevos diplomojn kaj libropremiojn. Konforme al la regularo la organizantoj ĝis la 1-a de januaro 2015 havas ekskluzivan rajton publikigi la ricevitajn konkursaĵojn en *La Ondo de Esperanto*, libroforme kaj elektronike.

Antaŭ la 1-a de julio 2013 la redakcio de *La Ondo de Esperanto* decidos pri la estonteco de *Liro.*

*Gratulon al la laŭreatoj! Dankon al la partoprenintoj!*

***Halina Gorecka, sekretario de Liro-2012***
***La Balta Ondo, <http://sezonoj.ru/2013/04/liro-2012/>***

## ELEKTO DE TRIONO DE LA AKADEMIANOJ




Okazis en la unuaj monatoj de ĉi tiu jaro la reelekto de triono de la akademianoj laŭ la Statuto de la Akademio de Esperanto.

Ne rekandidatis Marc Bavant, Gbeglo Koffi, Xie Jüming.

Iliajn lokojn kaj tiujn de la forpasintaj kolegoj prenis la novaj akademianoj Marek Blahuš, Rudolf Fischer, Aleksander Melnikov, Tsvi Sadan, Nguyen Xuan Thu, Usui Hiroyuki, Edmund Grimley-Evans, Harri Laine kaj Ranganayakulu Potturu.

Estis reelektitaj Marjorie Boulton, Michel Duc Goninaz, Anna Lowenstein, Carmel Mallia, Sergio Pokrovskij, Otto Prytz, Amri Wandel, John Wells.

Nun la Akademio konsistas el 44 membroj:

*Vilmos Benczik, Gerrit Berveling, Marek Blahuš, Marjorie Boulton, Renato Corsetti, Marcos Cramer, Probal Dasgupta, Michel Duc Goninaz, Rudolf Fischer, Edmund Grimley-Evans, Paul Gubbins, Lena Karpunina, Christer Kiselman, Boris Kolker, Ilona Koutny, Katalin Kovats, Erich-Dieter Krause, Harri Laine, Jouko Lindstedt, François Lo Jacomo, Anna Lowenstein, Ma Young-tae, Carmel Mallia, Stano Marĉek, Geraldo Mattos Gomes dos Santos, Aleksander Melnikov, Carlo Minnaja, Paŭlo Moĵajev, Brian Moon, Nguyen Xuan Thu, Barbara Pietrzak, Sergio Pokrovskij, Otto Prytz, Baldur Ragnarsson, Ranganayakulu Potturu, Alexander Shlafer, Tsvi Sadan, Saka Tadasi, Humphrey Tonkin, Usui Hiroyuki, Amri Wandel, John Wells, Bertilo Wennergren, Yamasaki Seikô.*

***OFICIALAJ INFORMOJ de AdE***

# Okazis la unua Lingva Festivalo en Jekaterinburg




Lingvaj festivaloj delonge jam populariĝis en la mondo. Ili sukcese pasas en multaj urboj de nia lando. Finfine la verda lumo aperis por ĉi tiu evento ankaŭ en Jekaterinburg.

Se taksi la dimension de la evento en nia urbo, ĝi certe ne kompareblas kun la grandiozaj Lingvaj Festivaloj, kiuj okazas dum la lastaj jaroj en Moskvo aŭ Sankt-Peterburgo. Sed laŭ la signifo ĝi sendube gravas: ja realiĝis tre bona iniciato kaj estas farita unua kuraĝa paŝo sur tiu ĉi agadkampo.

La Lingva Festivalo pasis la 18-an de majo, sabate, surbaze de la gimnazio № 5, situanta en la centro de la urbo; tre moderna kaj impona gimnazio, kun la komfortaj klasĉambroj kun ĉiuj bezonataj teknikaĵoj. La aranĝo estis orientita plejparte al lernejanoj kaj instruistoj de la gimnazio, kaj krome al ĉiuj lingvemuloj kaj scivolemuloj. Membroj de nia E-klubo “Arĝenta Flamo” ĝojis meti sian brikon por la sukceso de la iniciato kaj aktive partoprenis la festivalon. Saŝa Osincev kaj mi elpaŝis kiel prezentantoj de Esperanto, Katja Zamislova fotis, ĉiuj ceteraj klubanoj ĉeestis subtene kaj kelkaj partoprenis la metiejon pri dancado.

Mi devas rimarki, ke prezenti Esperanton ne estis tiom facile, ĉar la proponita al ni ritmo de la prezentaĵoj estis tre rapida. Por unu prezentaĵo en nia dispono estis nur 10 minutoj! Eĉ konsiderante, ke ĝenerale la formato de Lingvaj Festivaloj estas saltado laŭ la surfacoj, tio estis tre malmulta. Nu, ni devis iel akomodiĝi al la cirkonstancoj! Helpis nin la sperto, akirita dum la partopreno en peĉakuĉoj, kaj ni konstruis nian prezentaĵon laŭ ties modeloj: montris 20 bildojn, kiuj iom klerigis pri la lingvo, prezentis gravajn faktojn el ĝia historio, rakontis pri ĝiaj aplikeblecoj kaj fine ankoraŭ restis (!) 3-4 minutoj por sonigi diversĝenrajn muzikajn fragmentojn el E-kantoj, elektitajn de nia klubanino Jana Ĥusanova. Al la geknaboj plaĉis, kiam ni petis ilin nomi, el kiu muzika stilo estu la sonaĵo, kaj ili kuraĝe mendis repon, pezan rokon k.t.p.

Dum la tuta tago en nia klasĉambro funkciis ekspozicieto de E-libroj, revuoj, KD-oj, kaj ĉiu deziranto povis iom informiĝi pri E-literaturo kaj E-kulturo. Konsciante, ke ne eblas rakonti pri la lingvo ĉion eĉ dum unu-du horoj, sed eblas iom konatigi kun ĝi, altiri la atenton, eble akiri kontaktojn por la estonto, ni ĝuste tion strebis fari kaj faris sufiĉe informstreĉe kaj sen troŝarĝo.



Dum la posttagmanĝa tempo nin vizitis nur kelkaj unuopuloj – lingvemuloj kaj scivolemuloj, ne




lernejanoj, sed jam studentoj. Ĝenerale la organizantoj esperis, ke tiaj interesitaj gastoj de ekster la gimnazio pli multos kaj ĝuste tial planis la tagon tiel, ke la gimnazianoj sukcesu viziti la prezentaĵojn en la unua parto de la tago kaj en la dua oni povu akcepti jam aliajn gastojn. Sed la evento, bedaŭrinde, ne estis sufiĉe prilumita en la urbaj amaskomunikiloj, preskaŭ forestis ankaŭ interreta informo pri ĝi.

Bedaŭrinde nek mi mem, nek Saŝa sukcesis viziti iun prezentadon de aliaj lingvoj. Sed kiom ni povis sciiĝi el la plano, la festivala programo estis konstruita konforme al la rutina ordo organizi tiajn festivalojn: krom la lingvaj prezentaĵoj ĝi enhavis solenajn malfermon kaj fermon kun koncertaj programeroj, metiejojn pri diverspopolaj dancoj kaj naciaj kuirejoj, ekspoziciojn k.t.p.

Espereble por ni, esperantistoj, estos utilaj la kontaktoj, akiritaj dum la festivalo. Ekzemple unu el instruistinoj danke diris, ke multajn el ŝiaj lernantoj impresis nia prezentado kaj ekinteresis la lingvo, ŝi eĉ proponis al iu el la lernantoj elekti Esperanton kiel temon de la jarfina laboro, kiun plenumas kaj defendas pliaĝaj lernejanoj. Kaj alia instruistino surprizis nin, rakontinte, ke ŝi iam aktive lernis Esperanton kaj ŝia instruisto estis Bronislav Ĉupin el Iĵevsko. Estis ankaŭ esprimita la ideo, ke eblus organizi en la gimnazio klubon de interesiĝantoj pri Esperanto.

Fine de la tago niaj geklubanoj vizitis la solenan fermon en la aparta gimnazia halo kaj spektis tie ne tre longan koncerton, kies programeroj sonis en diversaj lingvoj. Mi spektis tion kaj pensis, ke malgraŭ la ekzisto de interreto, malgraŭ la nuna multego da lernolibroj en diversaj lingvoj, tiu ĉi festivalo ja estas ebleco aŭskulti homojn, kiuj senpere okupiĝas pri tiu aŭ alia lingvo kaj tre bone ĝin posedas, krome estas ebleco iom proksimiĝi al la kulturoj de tiuj landoj, kie sonas tiuj ĉi lingvoj. Se eĉ la afero, la organizado de LF eble ne atingis la perfektecon ĉi tie, tio ne gravas; ja, kiel diras la E-proverbo: "ne en unu tago elkreskis Kartago". Gravas, ke estas akirita la unua bona sperto, kaj estas ja konate, ke ĝuste praktika sperto estas la plej bona instruisto.

Dum la ceremonio de enmanigo de dankfolioj al la plej aktivaj kontribuantoj kaj helpantoj de la festivalo ricevis la dankfolion ankaŭ nia E-klubo "Arĝenta Flamo", kio estis tre agrabla.

*Esperante, ke la bona iniciato plu vivos kaj evoluos kaj nepre okazos la dua Lingva Festivalo en Jekaterinburg,*
***Raja Kudrjavceva, REU-kunordiganto en Uralo***

